# HEROLDO DE ESPERANTO

**Fondinto:** Teo Jung. — **Eldono, redakcio, administracio:** Heroldo de Esperanto, Ada Fighiera-Sikorska, C/ J. Ramón Jimenez 28, 6° A, Madrid 16, Hispanio. — **Poŝtkontoj:** Bruselo 000-0078887-26 — Köln 194943-504. — **Bankoj:** Banco de Bilbao, Madrid 14, cta. $USA 4509, A. Sikorska-Heroldo. *Por hispanoj:* Banco de Bilbao, ag. 29, cta. 434920006727. — *Dir. resp.:* Aldo de' Giorgi. — Abonantoj en 65 landoj. — **Baza jarabono:** 15 US$. — **Eldono por la 67ª UK · Antverpeno.** Kompostas: Bruĉjo Kasini, Thomas Bormann. — Presas: Torben Kehlet. — **Senpage distribuata al la kongresanoj.**

LA PLEJ OFTA INTERNACIA GAZETO DE LA ESPERANTO-MOVADO

**N-RO 1** | **67-a UK · ANTVERPENO · KONGRESA ELDONO** | **25-a JULIO 1982**

## "Heroldo" ĉiutage

**"Heroldo" havas historiajn ligojn kun Belgio, ĉar tiu ĉi lando gastigis la gazeton dum 17 jaroj, inter 1961 kaj 1979.**

**Temis pri la tria periodo de "Heroldo de Esperanto", post la germana, de la fondiĝo en 1920 ĝis 1936, kaj la nederlanda, de 1936 ĝis 1961 (kun kvinjara interrompo pro la mondmilito): dum ambaŭ periodoj redaktoris la fondinto de la gazeto, Teo Jung (apenaŭ necesas memorigi, ke de post 1979 "Heroldo" aperadas en Madrido).**

**Por esprimi siajn tradiciajn amikajn sentojn — kaj tiujn de siaj 4000 abonantoj — al Belgio, al la belga movado kaj al UEA, "Heroldo" aperos tage dum la 67-a Universala Kongreso de Esperanto en Antverpeno kaj estos disdonita senpage al la kongresanoj. La numeroj aperos dimanĉe, lunde, marde, merkrede kaj vendrede sed pro praktikaj motivoj ilia amplekso estos duono de la normala numero. La enhavo prezentos mallongajn raportojn pri la programoj de la UK, sciigojn de LKK, informojn pri la kongresurbo kaj la kongreslando kaj aktualajn novaĵojn tutmondajn.**

**"Heroldo" kore dankas ĉiujn, kiuj per sia sindediĉa laboro ebligis la realigon de tiu ĉi projekto, aparte Compugraphic/Gestetner, kiu disponigis la kompostmaŝinon, la kompostejon "Edistudio", la eldonejon "TK/Stafeto", f-inon Kristin Tytgat kaj s-rojn Petro de Smedt kaj Aldo de' Giorgi.**

La redakcio

## Centmil subskriboj pri malarmado

**Novjorko, 1 julio 1982.** En la ceremonio de la 1-a de julio Universala Esperanto-Asocio kaj Bulgara Asocio pri Unuiĝintaj Nacioj komune prezentis petskribon pri malarmado al Unuiĝintaj Nacioj. La petskribo, subskribita de 103.000 bulgaraj civitanoj, reprezentis la kontribuon de unu lando en kampanjo lanĉita de la Kvakera Esperanto-Societo en 1981.

La kvakera societo, per granda anonco en la revuo *Esperanto* (aprilo 1981) alvokis al la parolantoj de Esperanto subskribi kaj subskribigi deklaron, kiu postulas abolicion de nukleaj armiloj kaj konvenciaj armiloj kaj "transigo de permilita elspezado al la tutmonda forigo de malriĉeco".

"Nia Asocio estas neŭtrala kaj senpartia pri politikaj kaj religiaj demandoj", deklaris Profesoro Humphrey Tonkin, antaŭa prezidanto de UEA kaj reprezentanto de la Asocio ĉe Unuiĝintaj Nacioj. "Tamen, ni estas organizo, kiu ĝisfunde defendas, laŭ nia statuto kaj nia laborprogramo, homajn rajtojn kaj fundamentajn liberecojn. La rajto al vivo kaj la libereco el milito estas inter la plej bazaj el ĉiuj rajtoj kaj liberecoj."

"En la hodiaŭaj tagoj", diris Ambasadoro Krum Ĥristov, prezidanto de la Bulgara UN-Asocio, "la vorto Esperanto estas tradukebla per la vorto malarmado". Ambasadoro Ĥristov aldonis, ke Esperanto havas longan historion en Bulgario kaj estas granda kultura forto.

S-ro Jan Martenson, Vica Ĝenerala Sekretario de UN pri Malarmado, akceptante la petskribon en la nomo de Ĝenerala Sekretario s-ro Javier Perez de Cuellar, emfazis la urĝecon de la problemo de armiloj kaj la gravecon de la Dua Speciala Sesio pri Malarmado, kiu en la hodiaŭaj tagoj disvolviĝas ĉe la Ĝenerala Asembleo de UN kaj estas la kialo kaj celo de la petskribo. "Se oni eksplodigus nuklean armilon ĉi tie", li diris, gestante al la panoramo de Novjorko ekster la fenestro de la UN-sidejo, "mortus sep milionoj da homoj. Kaj ekzistas kvindek mil tiaj armiloj en la mondo."

Ĉefa organizanto de la kolektado de subskriboj en Bulgario estis la Bulgara Esperantista Asocio, kiu ricevis la apartajn laŭdojn de J. Martenson kaj Ambasadoro Ĥristov.

Akompanis Prof. Tonkin kaj Amb. Ĥristov, inter aliaj, s-ro Mihail Srebrev, flanke de la Bulgara UN-Misio, ges. Betty kaj Julius Manson, flanke de la Laborgrupo pri Esperanto ĉe UN, kaj s-ino Neelu Dhar, komisiito pri eksteraj kontaktoj de la Novjorka oficejo de UEA.



## De vi fontas nia forto

En Universala Kongreso estas unike videbla la Esperanto-komunumo. Dum la jaro tiu komunumo plue ekzistas, sed dise tra la mondo. Por rompi tiun izolecon — por transfortimi komunumon en movadon — ni bezonas organizan strukturon. Tion donas UEA — Universala Esperanto-Asocio.

En la kongresejo funkcias budo de UEA kaj de ĝia junulara sekcio, TEJO. En tiu budo oni akceptas membriĝojn en UEA / TEJO kaj abonojn por la eldonaĵoj "Esperanto", "Kontakto", "UN kaj Ni" kaj "Esperanto-dokumentoj". Tiujn vi povos pagi en guldenoj aŭ en belgaj frankoj, en sumoj kalkulitaj laŭ la tarifo por via loĝlando. Oni krome akceptos kotizojn por 1983 je la tarifoj de 1982!

En tiu budo kuŝos varbiloj kaj afiŝoj, per kiuj vi povos varbi novajn membrojn al la Asocio. Prenu flugfoliojn por disponi al kursfinintoj; prenu afiŝon por pendigi en via loka klubejo!

Via aldona subteno al la Asocio estas ne nur bonvena sed necesa. En la budo vi povas membriĝi en la Societo Zamenhof aŭ iĝi Patrono de TEJO. Oni volonte akceptos donacojn por la diversaj fondaĵoj de la Asocio: i.a. Fondaĵo Azio-Afriko por disvastigi la lingvon en tiuj kontinentoj); Fondaĵo Canuto (por membrigi en UEA homojn el landoj kun transpagaj malfacilaĵoj); Propaganda Konto (por financi ĉiuspecan inform-laboron) kaj Fondaĵo UN kaj Unesko (por apogi precipe la laboron de la nov-jorka oficejo).

Fine de ĉi tiu jaro ni eniros la kvin-jaran preparan periodon por la centjara jubileo. Por adekvate festi tiun jubileon, UEA bezonas multajn rimedojn, homajn kaj financajn. La daŭra fideleco de la membraro kaj aktivado de la esperantistaro estas nepre necesaj en la venontaj jaroj. De vi fontas nia forto.

## BELETRA ANGULO

August Vermeylen

### Nia lingvo

Kial ni skribas en flandra lingvo? Ni, kiuj ja ĉiuj, same facile scipovas redakti supraĵan artikolon en franca? Tial ke ni sentas nian lingvon kiel internan necesaĵon de nia arto. Oni same bone povus demandi: Kial vi skribas? La flandra lingvo, ho estas tiom banale: ni parolis ĝin en la patra domo, kun la patrino kiu nin edukis; per tiu lingvo ŝi donis al ni tion, kion ŝi povis doni. Tiu lingvo naskiĝis kun niaj pensoj mem, kaj tio ne plu estas forigebla el nia estado. Niaj Polderoj kaj nuboj, ili havas la koloron de la flandraj vortoj; tiuj vortoj elspiras ĉirkaŭ si la saman nepalpeblan aeron, ĉiu vorto kiun ni elparolas kunligas nin pli intime kun la tero, kiu faris nin. Kiu povas klarigi la amon al la lingvo? Estas en la lingvo tiom, tiom da neklarigeblaj aĵoj, malproksimaj memoraĵoj, kaj interkonsentoj, kiuj ĉiuj havas sian fundon en nia plej profunda nimem. La plej simplan kiel la plej grandan, ni povas esprimi ĝuste kaj organe nur en nia lingvo. Ni iras nun tra nia junaĝo, ni vidas la homojn ĉirkaŭvagi, plori, ami, kaj kiam en ni mem pli larĝa forto komencas suprenvibri, kiel resono de tio, kion ni mem estas amintaj kaj priplorintaj kun ĉiuj, ĉiuj homoj, sed ankaŭ kiel anĝela antaŭsento de mi-ne-scias kiu pli perfekta vivo, pli harmonia kaj pli bela ol ĉio, kio nun — ligita en la tempo — ŝajnas al ni efektiva, kaj tiam ni volas trovi sonojn, por diri, kion la homoj nomis Dio, tiam ree ni povas aŭdi nur la sonojn de nia, nia propra lingvo, kiuj portas ion en si de la sekreta vivo mem de niaj plej puraj deziroj. Tiom longe, kiom ekzistos en Flandrujo kelkaj homoj, kiuj tion sentas, kaj skribos la vortojn de sia antaŭsento, ho mia lingvo, — vi estu oficiala, aŭ ne — vi ne pereos, vi estas io el la plej alta vivo.

*el la flandra trad. C. Schroeyers*

### Antverpenaj legendoj

*La kongresanoj ofte renkontos en la Antverpenaj stratoj nomojn aŭ bildojn kiuj rilatas al "Lange Wapper". Antaŭ la kastelo "Steen", ĉe la Skeldo, ili trovos belan bildon de grandega longega viro, kun malgrandaj hometoj apud sia dekstra piedo.*

*Ankoraŭ nun multaj Antverpenanoj povos rakonti al vi kelkajn el liaj friponaĵoj, sed antaŭ cento da jaroj sageoj pri tiu diablo estis konataj en ĉiu Antverpena familio. Plej ofte temas pri viro kiu kapablis alpreni ĉiun ajn formon, kaj kiu ĝenerale ĉe la fino de la friponaĵo kreskis, kreskegis, eksterordinare longiĝis, kaj tiam ekaŭdigis teruran ridegon kaj forkuris de siaj mizeraj viktimoj. Plej ofte oni renkontis lin dum malhelo.*

*En Esperanto ni proponu la nomon "Longflirto". Por ke vi ekkonu lian karakteron mi rakontu al vi pri:*

### La kvar Amorantoj

Iam, ĉirkaŭ la mezo de la pasinta jarcento, loĝis, ĉu en la Mallonga ĉu en la Longa Lombardstrato mi ne plu ekzakte memoras, iu juna kaj bela fraŭlino kiu, — almenaŭ tiel oni rakontis — ne vivis tro pie: la najbaroj klaĉis ke ŝi havas ne malpli ol kvar amantoj. Iun vesperon, kiam ŝi havis rendevuon kun ĉiu el ili, kompreneble en malsama horo, ŝin ekkaptis la deziro trompi ĉiun el ili kun alia kvina, kaj ŝi petis al sia ruza servistino ke tiu ĉe ilia alveno sciigu al ili, ke ŝia mastrino, pro subita malsanetiĝo, estis enferminta sin en sia ĉambro. Sed la servistino, kiu estis preskaŭ same malbona kiel sia mastrino, forgesis, aŭ pli ĝuste, neglektis sian taskon, ĉar ŝi deziris akcepti el najbara domo iun serviston, kiu ne malplaĉis al ŝi.

Sed kio okazis! Ĉirkaŭ la rendevuhoro, dum kiu la unua amoranto estis atendita ĉe la fraŭlino, Longflirto estis aliformiĝinta en ŝia aspekto, kaj akceptis la knabon anstataŭ ŝi. Post iom da ... babilado ... kun li, la diablo finis:

— Ĉu vi do vere amas min?

La alia per plej fortaj ĵuroj deziris tion jesi.

— Nur diru! kion vi deziras?

— Iru al la Sankta Virgulino tombejo, grimpu sur la krucon, kaj restu tie dum du horoj: tiel vi akiros mian respondan amon.

La amoranto foriris.

Post duona horo alvenis la dua.

— Ĉu vi vere sincere amas min? demandis Longflirto.

— Kiel vi povas dubi tion?

— Donu al mi pruvon: iru al la Sankta Virgulino tombejo kaj tie ekkuŝu en ĉerkon ĉe la piedo de la kruco.

Nur ĵus li estis for ke jam la tria amoranto alvenis.

— Mi donos al vi respondan amon se vi donos al mi pruvon de fajra amo, denove diris Longflirto.

— Kiun pruvon?

— Iru al la Sankta Virgulino tombejo, vi trovos ĉerkon, ĉe la piedo de la kruco: se vi estos sufiĉe kuraĝa por tre laŭte frapi tri fojojn la ĉerkon, tiam mi amos vin supermezure.

La malfeliĉulo rapidis por plenumi la proponitan pruvon kiom eble plej rapide. Fine la lasta amoranto aperis.

— Mi neniam kapablus ami viron kiu ne kuraĝas montri sin la plej brava inter ĉiuj, nun asertis Longflirto; ĉu vi povos, pro amo al mi, alfronti grandan danĝeron?

— Milojn, nur diru ...

— Iru al la Sankta Virgulino tombejo kaj kuru tri fojojn ĉirkaŭ la kruco, tirante malantaŭ vi feran ĉenon.

Tuj post la foriro de la kvara ankaŭ Longflirto foriris dum li aŭdigis sian kutiman inferan ridegon. Baldaŭ la fraŭlino, nun vere ŝi mem, revenis de sia vizito al la kvina viro de amoro.

Ŝi nur atingis sian ĉambron, kiam jam revenis la kvara amoranto de la plenumo de sia pruvaĵo. Lia vizaĝo estis pala kaj purpura kiel vizaĝo de mortinto; liaj vizaĝesprimoj estis teruraj kaj sovaĝaj kiel de frenezulo.

En la tombejo li estis trovinta la tri kadavrojn de siaj antaŭuloj: La unua falis mortinta de sur la kruco kiam la dua alvenis kaj kuŝiĝis en la ĉerkon. La dua mortis pro timo kiam la tria frapis la ĉerkon, kaj tiu mem mortis pro koratako kiam la kvara kun la ĉeno rondkuris ĉirkaŭ la kruco.

Kiam la fraŭlino aŭdis la mirigan sciigon ŝi tiel ektimis ke ŝi subite morta falis malantaŭen.

Kelkajn tagojn poste ankaŭ la kvara amoranto pro senespero dronigis sin en la Jezuito-kanalo.

*Laŭ D. Sleeckx*
*el la nederlanda trad. p.d.s.*

### Trilanda renkontiĝo en Aŭstrio

La tradicia, la 14-a laŭvice, Trilanda Esperanto-Renkontiĝo de esperantistoj el Aŭstrio, Italio kaj Jugoslavio, okazos de la 10-a ĝis la 12-a de septembro en Pöckau (Aŭstrio) kun kultura kaj turisma programo. Inf.: **M. Stupping, Esperantostr. 175, A-9601 Arnoldstein.**

### Junuloj diskutos pri "Saneco"

Longan semajnfinon, de la 29-a de oktobro ĝis la 1-a de novembro organizas en Lichtaart (Belgio) FLEJA (Flandra Esperanta Junulara Asocio) kaj NEJ (Nederlanda Esperanta Junularo).

Tiu ĉi 5-a Jubilea Renkontiĝo havos kiel temon "Sanecon" kaj antaŭvidas programon ankaŭ por la malpli ol 16-jaruloj.

Inf.: **FLEJA, Frankrijklei 140, B-2000 Antwerpen.**

# KONGRESA KURIERO

**Vi trovos**
**ke la KONGRESA KURIERO ĉi-jare aperas kune kun HEROLDO. Tiu aranĝo ne nur levas la grafikan aspekton al preskaŭ perfekta nivelo, sed ĝi ankaŭ liveras al vi pli vastan gamon da informoj en unu gazeto.**
**La eroj de la KONGRESA KURIERO estas rezervitaj ĉefe al jenaj punktoj:**
**· ŝanĝoj kaj aldonoj en la kongresa programo**
**· iniciatoj de diversaj fakuloj por aranĝi kunvenojn**
**· nomoj kaj adresoj de novaliĝintoj.**
**Tamen, la redaktoro ankaŭ volonte akceptas informojn pri ekzemple okazontaj renkontiĝoj aŭ seminarioj aŭ aliajn interesajn novaĵojn.**
**Se via anonco havas tute privatan karaktaron aŭ se vi volas vendi ion, vi devas pagi tiun anoncon laŭ prezo kaj maniero priskribitaj sube de tiu ĉi paĝo.**

**Thomas Bormann**
(UEA-kodo: tobo-n)
redaktoro de la KONGRESA KURIERO

## LASTAJ ALIĜOJ

### BELGUJO

pabo-l — Boets, S-ro Patrick, Antwerpsesteenweg 129, B-2710 Hoboken
ddwe-s — De Weerdt, S-ro Dirk, Amerikalei 45, B-2000 Antwerpen
hemo-x — Mortelmans, S-ro Herman, C. Smitslei 80, B-2210 Borsbeek
dope-n — Peeraerts, S-ino Dora, Drakenhoflaan 97, B-2100 Deurne
mpjr-d — Ruyssinck, S-ino Myriam P. J., Ruytenburgstraat 26, B-2600 Berchem
jpvd-f — Vandendaele, S-ro Jean-Pierre, Stationsstraat 1A, B-8380 Lissewege
lvze-o — Van Zeebroek, S-ino Lieve, Heidestr. 111, B-2710 Hoboken

### BOCŬANO

lido-n — Jacques, S-ino Lieve, Tswelelopele Brigade, P.O.Box 99, Ramotswa

### BRITUJO

gjha-w — Harper, S-ro Gary John, 10 Spratling Street, Manston, CT12 5AW, Ramsgate, Kent
hwja-z — Jarrett, S-ro Hugh William, 62 Westover Gardens, St Peters, CT10 3EY Broadstirs, Kent
reto-b — Rossetti, S-ro Reto, ''Shadows'', Wainlode Lane, GL2 9LN, Norton, Gloucester

### BULGARUJO

dolc-n — Dolĉinkov, S-ro Ĥristo, ul. Dimitar Ivanov 7, BG-5000 Veliko Târnovo

### FRANCUJO

ambl-u — Amblès, S-ino Anne-Elise, 11 rue des Ducs de Bar, F-55000 Bar-le-Duc

### FR GERMANUJO

brga-m — Berger, S-ino Anna, Ehrenbergstr. 1, D-5000 Köln 60
trul-v — Teruel Rodriguez, S-ino Encarna, Jostenallee 45, D-4040 Neuss 1

### HINDA UNIO

paba-d — Basak, S-ro Pallab, 138/1, Sarat Bose Road, 700 029 Calcutta
asba-f — Basu, S-ro Ashim, 28/103 Nakuleswar Bha Hacherya Lane, 700 026 Calcutta
skbi-f — Biswas, S-ro S. K., 2 Sevak Baidya Street, 700 029 Calcutta
sobi-t — Biswas, S-ro Somnath, 75 D Dr Suresh Sarkar Road, 700 014 Calcutta
swac-d — Chakrabortty, S-ro Swapan, 3/1A Panditia Road, 700 029 Calcutta
jcha-l — Chatterji, S-ro Jayanta, 2 Sebak Baidya Street, 700 029 Calcutta
sysp-q — Pal, S-ro Syam Sundar, 35/1 Swami Vibekananda Pd., 700 029 Calcutta
akpr-s — Pramanic, S-ro Arun Kumar, 57/1 Sarat Bose Road, Bhowanipur, 700 025 Calcutta

### HISPANUJO

moya-f — Moya Segui, S-ro Carlos N., Avda. del Cid 106, Esc. 1-7a, Valencia 18

(En la morgaŭa eldono de la Kuriero aperos novaliĝoj el Hungarujo, Italujo, Jugoslavio, Madagaskaro, Portugalio, Svedujo, Usono kaj eventuale pli da landoj.)
Notu, ke kongresanoj aliĝantaj nur dum la kongreso mem, ne ricevos UEA-kodon.

### KURSGVIDANTOJ

Se vi volas plibonigi vian propran lingvan nivelon dum la Kongreso, jen interesa novaĵo por vi. Jenaj personoj gvidos la kursojn:
Konversacia Rondo: S-ro Demonty, Belgio. (je lundo 17h00, mardo 14h00, vendredo 09h00 kaj 14h00 en salono Schoofs)

Progresiga Kurso: S-ino Stimec, Jugoslavio. (je mardo 11h00 en salono de Ketelaere, je vendredo 09h00 kaj 14h00 en salono Vermuyten)

### PLIA SALON-NOMO

Laŭ lastatempa decido de la LKK, la redaktejo de tiu ĉi gazeto estas nomita ''SALONO ĜIVOJE'' honore al s-ro Marinko Ĝivoje kies nekrologo ĵus aperis en la revuo ''*Esperanto*''.

Se vi foje devas porti ion al tiu redaktejo, ekzemple urĝegan novaĵon, kiun ni rapide publikigu, jen la adreso: Quellinstraat 31, 5-a etaĝo.

### PROGRAMŜANĜOJ

La **Progresiga Kurso** planita por la vendreda mateno, nun okazos **ĵaŭde je 10h45 en salono Chomette**.

**Grégoire Maertens** gvidos la kunsidon pri la **Delegita Reto** ĵaŭde anstataŭ Ursula Grattapaglia, kiu ne povis veni al la UK.

La **IKU-prelego de s-ino Barandovská** (ĵaŭde je 12h00) estas nuligita, ĉar la preleganto ne povas veni al la UK.

**"La Lingvo-problemo en la eŭropaj instancoj"** estas titolo de kunsido kiu okazos **marde je 11h30 en salono Vermuyten**.

Sekve de tio, la **Komisiono pri Elektoj (nepublika)** estos en salono De Katelaere je 15h30.

**Institucio Hodler:** Inaŭguro de la Esperanto-Domo kaj precipe de la 'jam aĉetitaj ĉambroj' (Elfriede ERNST, Ramona VAN DALSEM, Augusto ROSSINO) ĉe Frankrijklei 140, kiu estas la Grafika Centro Antverpeno kaj la sidejo de la loka klubo 'La Verda Stelo' - **vendrede je 19h15.**

Ni atendas povi organizi serion de **filmoj**, projekciotaj en salono **Van Schoor**.

### EKSKURSU

Ĉe kelkaj ekskursoj estas ankoraŭ liberaj lokoj. Do, se vi ne jam mendis ekskurson por la merkredo (parte ankaŭ por aliaj tagoj), iru al la giĉeto ''ekskursoj'' kaj mendu. Je redaktofino de tiu KURIERO la ekskurso A 1 jam estis plena. Se vi volas ankoraŭ partopreni en B 1 aŭ B 3, vi devas mendi antaŭ la tagmezo de dimanĉo.

### ANONCETOJ

• NOVA! Unuafoje en la E-merkato!
**ISRAELO KANTAS** - 40-minuta kasedo kun desegnita tekstaro. La plej konataj israelaj kantoj (''Hava Nagila'',''Haleluja'' kaj multaj aliaj) en Esperanto. Aĉeteblas en la libroservo.

• Butono **"Ĉu paci - senarmile"** aĉetebla je 40 bfr ĉe tobo-n

• EKSKAPU AL PLI MALFERMA TURISMO! Aĉetu la kajeron 1982 de Pasporta Servo - kaj vojaĝu libere tra la mondo

• PAŜOJ AL PLENA POSEDO - Jam la kvara eldono! Mendu ĉe *Heroldo de Esperanto*.





## MENDILO POR ANONCETO

### MENDU ANONCETON

Eble vi ŝatus ĉi tie trovi korespond-partneron? Aŭ vi emas varbi por io? ..kaj vi volas diskonigi vian deziron laŭeble vaste - jen la solvo: Mendu anonceton en la ĉiu-taga gazeto HEROLDO / KONGRESA KURIERO. Ĝi kostas nur 50 bfr po linio kaj aperos la sekvantan tagon en eldonkvanto de 2000 ekzempleroj!

Per tiu ĉi mendilo mi mendas la ĉi-suban anonceton por la venonta numero de HEROLDO/KONGRESA KURIERO. Por ĉiu komencita linio mi pagas po 50 belgajn frankojn kontante, dum mi donas tiun mendilon al la giĉeto de HEROLDO/KONGRESA KURIERO.

Bonvolu skribi klare kaj preslitere. Uzu po unu kesteton por ĉiu litero aŭ interspaco aŭ simbolo.

______ **linioj × 50 b.fr. =** ____________________

Se vi donas tiun ĉi mendilon ĝis plej malfrue la 16-a horo al nia giĉeto, ĝi ankoraŭ aperos en la eldono de la sekvanta tago.

## Abonoj al Heroldo (por 1983)

| Lando | Valuto | Tutjara abono | Subtenanta abono | 25 vortoj anoncetoj | Oni pagu la kotizon al |
|---|---|---|---|---|---|
| Argentino | us.dol | 8,— | 16,— | 5,— | E-Centro, Cas. de Coreo 278, 2000 Rosario |
| Aŭstralio | us.dol | 15,— | 30,— | 5,— | K. G. Linton, 4/2 Lyons St., Glenhuntly, Vic. 3163 |
| Aŭstrio | aŭs.ŝil. | 230,— | 460,— | 75,— | «Tramondo», Fünfhausgasse 16, A-1150 Wien<br>AEM, Pk. 156, Hofburg, A-1014 Wien |
| Belgio | b.fr. | 520,— | 1040,— | 200,— | «Heroldo» pĉk. 000-0078887-26 Bruselo;<br>«Sonorilo», Doornstr. 22, B-2610 Wilrijk; pĉk. 00-0152140-44 |
| Brazilo | us.dol. | 8,— | 16,— | 5,— | Braz. Esp.-Ligo, Pr. de Republica 54, Rio de Janeiro |
| Britio | pundoj | 8,— | 16,— | 2,50 | Brita Esp. Asocio, 140 Holland Park Ave., London W11 4UF |
| Bulgario | levoj | 16,50 | 33,— | 6,— | Internacia Esperanto-Kursejo, p.k. 791, 1090 Sofia |
| Ĉeĥoslov. | kr. | 162,— | 324,— | 50,— | Ĉeĥa Esp. Asocio, Jilska 10, 11000 Praha 1 |
| Danlando | d.kr. | 87,— | 174,— | 27,— | Esperanto-Centro, Banegaardsgade 19, DK-8000 Aarhus C |
| Finnlando | f.mk. | 65,— | 130,— | 20,— | Heroldo, Kiviständie, SF-05510 Hyvinkää (pĉk. 1247 90-1) |
| Francio | fr.fr. | 78,— | 156,— | 30,— | U.F.E., 4 bis rue de la Cerisaie, F 75004 Paris (pĉk. 855.35) |
| Germanio | gmk. | 31,— | 62,— | 10,— | Heroldo de Esperanto, Germ. pĉk. Köln 194943-504 |
| Grekio | draĥmoj | 600,— | 1200,— | 200,— | Helena Esperanto-Asocio, Agiu Meletiu 54, Ateno T. T. 814 |
| Hispanio | pesetoj | 1050,— | 2100,— | 400,— | L. Serrano Perez., str. Font Nova 32, Sabadell |
| Hungario | forintoj | 296,— | 592,— | 90,— | H.E.A., Kenyermezö u. 6, Pf. 193, H-1368 Budapest V |
| Israelo | b.fr. | 520,— | 1040,— | 200,— | Ben-Alter Jeĥiel, P.O.B. 379, Petah-Tikva |
| Italio | liroj | 15.000 | 30.000 | 5.000 | Itala Esp.-Federacio, Via Villoresi, 38, I-20143 Milano |
| Japanio | b.fr. | 520,— | 1040,— | 200,— | Japana Esp.-Inst., Waseda mati 12-3, Sinzyuku-ku, Tokio 162 |
| Jugoslavio | n.dinaroj | 200,— | 400,— | 70,— | Milan Markovič, Rajičeva 22, 11000-Beograd |
| Kanado | kan.dol. | 19,— | 38,— | 6,— | W. D. B. Hacket, 40 St. Hilda's Ave., Toronto, Ont. M4N 2P4 |
| Meksiko | us.dol. | 8,— | 16,— | 5,— | M. Najera, Apartado postal M-9310 Mexico 1, D.F. |
| Nederlando | gld. | .33,— | 66,— | 11,— | Esp.-servo (pĉk. 769.15), Hoeveweg 18, 8394 VR De Hoeve |
| Norvegio | n.kr. | 82,— | 164,— | 24,— | Esperantoforlaget A/S., Olaf Schous vei 18, Oslo 5 |
| Pollando | zlotoj | 330,— | 660,— | 100,— | Pola Esperanto-Asocio, Jasna 6, PL-00-013 Warszawa |
| Portugalio | esk. | 700,— | 1.400,— | 250,— | Portugala Esp.-As., Rua Dr. J.Couto, lote 1238, R/C-A, Lisboa-4 |
| Svedio | sv.kr. | 80,— | 160,— | 22,— | Poŝtĝ. konto 59 67 68-2, Eldona Soc. Esperanto, 216 11 Malmö |
| Svislando | sv.fr. | 28,— | 56,— | 10,— | O. Walder, Esperantoweg, CH-8590 Romanshorn (pĉk 80-12139) |
| Usono | us.dol. | 15,— | 30,— | 5,— | ELNA, Pk. 1129, El Cerrito, CA 94530 |
| Venezuelo | us.dol. | 8,— | 16,— | 5,— | Prof. J. E. Bachrich, Apartado 3833 Caracas 101 |

**Sendado aerpoŝte** (krompago) por ĉiuj numeroj **(prezo en us.dol.):** Norda, Centra, Suda Ameriko, Afriko: 3,—; Irano, Japanio, Ĉinio, Aŭstralio, Nov-Zelando: 4,—; Eŭropo, Mediteraneaj landoj: 0,70.

# HEROLDO DE ESPERANTO

**Fondinto:** Teo Jung. — **Eldono, redakcio, administracio:** Heroldo de Esperanto, Ada Fighiera-Sikorska, C/ J. Ramón Jimenez 28, 6° A, Madrid 16, Hispanio. — **Poŝtkontoj:** Bruselo 000-0078887-26 — Köln 194943-504. — **Bankoj:** Banco de Bilbao, Madrid 14, cta. $USA 4509, A. Sikorska-Heroldo. *Por hispanoj:* Banco de Bilbao, ag. 29, cta. 434920006727. — *Dir. resp.:* Aldo de' Giorgi. — Abonantoj en 65 landoj. — **Baza jarabono:** 15 US$. — **Eldono por la 67ª UK - Antverpeno.** Kompostas: Bruĉjo Kasini, Thomas Bormann. — Presas: Torben Kehlet. — **Senpage distribuata al la kongresanoj.**

LA PLEJ OFTA INTERNACIA GAZETO DE LA ESPERANTO-MOVADO

N-RO 2 — 67-a UK · ANTVERPENO · KONGRESA ELDONO — 26-a JULIO 1982


## La Kongreso malfermita

Hieraŭ matene malfermiĝis en la kongresejo la 67-a UK. Alparolis la ĉeestantojn la oficialaj reprezentantoj de 14 landoj. La Ĝenerala Konsulo de Usono en Belgio parolis en Esperanto, lingvo kiun li lernis antaŭ 25 jaroj en Ĉikago.

### Granda eĥo en la amas-komunikiloj

Jam antaŭ la Kongreso en ĉiuj belgaj gazetoj aperis sufiĉe multaj artikoloj pri la Universala Kongreso kaj Esperanto. Rekorda nombro da novaĵoj estis publikigitaj en la lastaj tagoj, en la ĉefaj nederlandlingvaj kaj franclingvaj taggazetoj.

La du naciaj radio-stacioj BRT kaj RTB elsendis longajn intervjuojn. La libera stacio Radio-Stad ĉiutage elsendas novaĵojn en Esperanto.

### Hindoj en la kongreso

Por la unua fojo grupo da sep hindaj esperantistoj ĉeestas la Universalan Kongreson. Ili prezentos verkon de Rabindrat Tagore.

*

Alvenis ankaŭ 20-persona grupo da sovetaj esperantistoj.



Eĉ en estrarkunsido oni povas ridi: E. Kehlet kaj H. Tonkin.

## La belga radio invitas vin!

Multaj Esperanto-parolantoj estas ankaŭ aŭskultantoj de mallongondaj radioelsendoj. La elsendoj de BRT ne estas riceveblaj ĉie: ekzistas regionoj, kiujn BRT ne povas atingi, eĉ ne en Eŭropo, ne nur ĉar BRT estas unu el la plej malgrandaj stacioj, sed ĉar mallongaj ondoj simple ne povas atingi tiujn regionojn. La celoj de BRT, laŭ instrukcioj de la administra konsilantaro, estas jenaj:

— gardi kaj akceli kontakton kun samlandanoj eksterlande.

— prezenti bonan superrigardon de la imago de Flandrujo al la eksterlanda publiko.

Jam plurfoje antaŭ la UK, sed verŝajne ankaŭ dum la UK, BRT de la nederlanda lingvokomunumo en Belgio raportos pri la 67a Universala Kongreso. Vi povos aŭdi ĝin bonege sur meza ondo, 198,41 m = 1512 kHz, ekde la 19a horo, loka tempo, en la lingvoj nederlanda, angla kaj hispana (kastilia) sinsekve. Pliaj informoj pri ondolongoj, elsendotempo kaj programoj haveblas skribante al: *BRT, Postbus 26, 1000 Brussel.*

### Tago de malferma pordo

Sabate 31a de julio, inter la 14,30 kaj proksimume la 17a, eblas viziti la internacian servon de BRT. Dum tiu vizito eblos neformala parolado kun la redakcio pri temoj rilataj al la elsendoj. La partopreno estas senpaga. Atentu: Interesuloj nepre direktu sin por enskribiĝo kaj praktikaj informoj pri transporto al sinjoro Herman Deceuninck en la gazetara servo de la kongreso *antaŭ ĵaŭdo tagmeze la 26a de julio.* Se vi ne partoprenos, sed interesiĝas pri la programoj de BRT, vi helpos nian laboron skribante al ĝi. *HD*

## Aŭtoroj subskribas

Hodiaŭ matene, de la 10a ĝis la 13-a horo, konataj Esperanto-aŭtoroj subskribos en la kongresejo ĉe la libroservo siajn verkojn. La subskribantoj estas: William AULD, Aldo DE' GIORGI, Georgo LAGRANGE kaj Tibor SEKELJ.

50a IKBE KONGRESO
E 50
31-7—7-8—1982 BREDA

## Por la jubilea kongreso de blinduloj

Por la Jubilea 50-a Internacia Kongreso de Blindaj Esperantistoj (kiu okazos tuj post ĉi tiu Kongreso, de la 31-a de julio ĝis la 7-a de aŭgusto, en Breda, Nederlando) la Harlema grafikisto H.F. Menges, kreis donace tiun ĉi glumarkon.

10 folioj kostas minimume 6 gld.: la tuta profito ebligos senpagan partoprenon kaj gastigon de al kongresanoj el landoj kun transpag-malfacilaĵoj. Eblas aĉeti ilin en la kongresa libroservo.

## Sporto

### Futbala turneo interrompita en Sud-Afriko

Turneo de internacia teamo de futbalistoj organizita de franca entrepreno en Sud-Afriko abrupte finiĝis. Post tri maĉoj antaŭ malplenaj sportejoj la turneo estis nuligita pro bojkoto kaŭze de rasa diskriminacio.

### Tour de France finiĝis

La franco Bernard Hinault kiel unua alvenis en Parizo, gajnante tiel la lastan etapon kaj la faman bicikian konkuron tra Francio.

## Metereologio

### La vetero en Belgio, lundon

Fronto de fulmatondra pluva vetero venanta el Skandinavia superpasos Belgion. Ĝi okazigos temperaturojn de ĉirkaŭ 19 gradoj kaj subitajn pluvetojn. La bela vetero revenos supozeble merkredon.

## Antverpeno, monda centro de diamanto

El malnovaj, historiaj dokumentoj ni scias, ke la komenco de la diamantindustrio en Antverpeno situas jam en la unua duono de la 15-a jarcento. Klarajn spurojn de diamantkomerco ni retrovas en la antverpena dekreto de 1447, kiu malpermesas la vendon de falsaj gemoj. En arkivteksto de 1483 ni renkontas la unuan mencion pri diamantprilaboristo en Skelda urbo, dum kiam alia dokumento de 1538 temas pri la starigo de diamanttajlejo.

Post la ekmalprospero de Bruĝo, Antverpeno fariĝas en la 16-a jarcento la granda centro de ekonomia aktivado en la Sudaj Nederlandoj. La urbo elkreskas ĝis internacia komerca merkato, la alporto de kruda diamanto pligrandiĝas kaj la prilaboristoj de diamanto obliĝas kaj unuiĝas en metioj kaj gildoj. Laŭ la atesto de la itala komercisto L. Guicciardini (Priskribo de ĉiuj Nederlandoj - 1567) troviĝas dum tiu periodo en Antverpeno multe da diamanttajlistoj. Li laŭdas la profesian konon de la antverpenaj gemprilaboristoj, kiuj liveras brilan laboron, kaj rimarkigas, ke nenie en la Nederlandoj ekzistas tiom da riĉaj kaj grandaj entreprenoj.

Sekve de la ekonomia malprogreso de la portugaloj, Antverpeno travivas en la 17-a jarcento krizan periodon en la diamantkomerco kaj en la diamantentreprenoj. Krome, pro la traktato de Münster en 1648, la nordaj Nederlandoj ekprosperas, dum kiam la fermo de la rivero Skeldo kaŭzas la ruiniĝon de la urbo Antverpeno. Multaj diamantprilaboristoj forlasas la urbon, elmigras al la Nordo kaj tien kunportas siajn diamantentreprenojn. Ĉefe la urbo Amsterdamo profitas de tiu ĉi enmigrado.

En la 18-a jarcento la importado de kruda brazila diamanto denove vivigis la antverpenan diamantindustrion, kiu kun peno sukcesis vivteni sin en la antaŭa jarcento. La nova glora periodo por Antverpeno komenciĝas ĉirkaŭ 1870, post la malkovroj de la unuaj diamantoj en Sudafriko. La merkato inundiĝas pro la grandaj kvantoj da tiaj gemoj. La diamantmondo en Antverpeno denove konas sukcesplenan periodon.

Malgraŭ ĉiaj ekonomiaj ŝanĝiĝoj, malgraŭ du mondmilitoj kaj daŭre kreskanta konkurenco kun diversaj mondpartoj, Antverpeno restis ĝis nun **la** diamanturbo pro sia 500-jara tradicio en la prilaborado kaj komerco de diamantoj. La arto de la diamanttajlado faras de tiu urbo la mondan centron de la diamanto. Dum kiam aliaj centroj specialiĝis sin en difinita speco de tajlita diamanto, en Antverpeno oni tajlas ĉiujn specojn kaj kvalitojn. La Skelda urbo posedas mondan famon rilate al la kvalito de la tajlitaj diamantoj pro la altranga profesia laboro de antverpenaj klivistoj, segistoj kaj tajlistoj.

En 1892 oni starigis diamantborson, nome la Diamantklubon, poste sekvis la Borso de Diamantkomerco, la Libera Diamantkomerco kaj la Antverpena Rondo de Diamanto. Tiuj kvar borsoj estas unuigitaj en Federacio, kiu grupigas pli ol 4000 komercistojn, fabrikistojn kaj makleristojn. Antverpeno konas pli ol 11 000 diamantprilaboristojn. 50 % de la tajlita diamanto en la mondo venas el Antverpeno.

La diamantkvartalo troviĝas plene en la koro de la antverpena urbo. Tion vi povas konstati mem, kiam vi eliras la kongresejon kaj prenas la subteran prametroon: la halto tuj apud la Centra Stacidomo nomiĝas **Diamanto**.

Duonan jaron antaŭ tiu ĉi Universala Kongreso okazis grava terorisma atako en la diamantkvartalo. Estas homoj, kiuj asertas, ke ĝi estas kontraŭjuda atako, ĉar precize la Judoj en Antverpeno okupiĝas pri la diamantkomerco. Ĝis nun oni ne ankoraŭ sukcesis malkovri la kialojn de tiu atako, sed ĉiukaze la damaĝo en la diamantkvartalo estis enorma. Feliĉe riĉa kvartalo ankaŭ baldaŭ povas ripariĝi de tia perforto.

En la Provinca Sekurecinstituto (Jezusstrato 28-30), en la centro de Antverpeno, okazas daŭra diamantekspozicio, kun superrigardo pri la historio kaj prilaboro de la diamanto kun kolekto da gemoj kaj juveloj (i.a. kopio de la britaj kronjuveloj). Post interkonsento ankaŭ eblas viziti funkciantan diamanttajlejon en la diamantkvartalo mem.

*Kristin Tytgat*

## Mallonge el la tuta mondo...

### Politiko

**Irano-Irako: granda batalo en Bassorah**

Ses semajnojn antaŭ la sepa kunveno en Bagdado de la neengaĝintaj landoj (6-10 septembro), la irana-iraka milito daŭras ĉe Bassorah, la dua plej grava urbo kaj sola haveno de Irako. Antaŭ kelkaj tagoj, tie okazis la plaj sanga batalo depost la dua mond-milito. Irako asertas, ke sabate ĝi malsukcesigis novan ofensivon de Irano oriente de la nomita urbo.

**Bejruto bombardata**

Israelo plue bombardis palestinajn poziciojn en la okcidenta parto de Bejruto.

Intertempe, la Unuiĝintaj Nacioj kaj Usono rekomencis la diplomatajn klopodojn por trovi solvon al la konflikto.

**Malsato en Bolivio**

En pluraj urboj, la preskaŭ kompleta manko de pano, viando, oleo kaj aliaj gravaj varoj kaŭzis "marŝadojn de la malsato" por protesti kontraŭ la ekonomia politiko de la armeaj aŭtoritatoj.

### Socio

**Fino de la abstinenca periodo en Belgio**

Antaŭ la fino de la jaro la belga parlamento akceptos leĝon, kiu liberigos la vendadon de alkoholo pli ol 18-grada en la trinkejoj de la lando. La abstinenca periodo daŭras en Belgio de 1918.

### Ekonomio

**Kurzofalo de la dolaro**

Sub la premo de la falo de la bankaj interezoj, la kurzo de la dolaro falis pasintsemajne en ĉiuj internaciaj ŝanĝmerkatoj je meze 5 %.

### Ekologio

**La balen-ĉasado malpermesota en 1985**

La balen-ĉasado haltos dum kvin jaroj ekde 1985. Tion decidis semajnfine la internacia pribalena komisiono en Brighton (Britio). En 1990 la demando pri balen-ĉasado estos reekzamenata, sed ŝajnas evidente ke tiam la balen-ĉasado estos definitive malpermesata.

### OFICIALAJ KURZOJ

(validaj lunde matene)

| | meza kurzo |
|---|---|
| 1 usona dolaro | 45,84 |
| 1 kanada dolaro | 36,53 |
| 1 franca franko | 6,85 |
| 1 svisa franko | 22,64 |
| 1 brita pundo | 80,67 |
| 1 germana marko | 19,08 |
| 1 guldeno | 17,25 |
| 1 dana krono | 5,49 |
| 1 sveda krono | 7,63 |
| 1 norvega krono | 7,35 |
| 1 finna marko | 9,85 |
| 100 italaj liroj | 3,39 |
| 100 pesetoj | 41,85 |
| 100 eskudoj | 56,00 |
| 100 aŭstraj ŝilingoj | 270,20 |
| 100 japanaj jenoj | 18,35 |

## Bruselaj vafloj

**Por kvar personoj:** *120 g. da blanka faruno; 30 g. da butero; 1 ovo; 50 g. da biergisto; 1/4 litro da varmeta lakto; 30 g. da sukero; salpinĉo; la speciala fero por vafloj.*

Solvigu la giston en iom da varmeta lakto kaj verŝu ĝin en la centro de la faruno konuse verŝita. Tiam aldonu la ovon, la salon, la sukeron kaj sufiĉe da lakto por atingi paston molan sed ne tro likvan.

Lasu fermenti la pastaĵon dum proksimume unu horo en varmeta loko, tiam fandigu la buteron en kaserolo kaj, kiam ĝi estos malvarma, aldonu ĝin al la pastaĵo, tiam lasu ankoraŭ fermenti dum unu horo.

Varmigu la vafloferon kaj verŝu per kulero, nur sur unu flankon, iom da pastaĵo, fermu kaj pasu super la fajro ambaŭflanke dum iom da sekundoj. Malfermu la feron kaj forprenu la vaflon.

**Noto:** Surbaze de la unuaj rezultoj reguligu la kuirtempon de la sekvantaj vafloj.

# KONGRESA KURIERO

## PROGRAMŜANĜOJ

### Esperantologio-Interlingvistiko

Se vi interesiĝas pri Esperantologio-interlingvistiko, vi jam scias, ke okazos Esperantologia konferenco hodiaŭ inter la 11-a kaj 13-a h kaj inter la 17-a kaj 19-a h. Sed ĉu vi scias, ke inter tiuj du sesioj ni disponos la salonon por neformalaj diskutadoj kun interlingvistoj, ebleco foliumi kelkajn Esperantologiajn publikaĵojn kaj daŭrigi neformale la matenan debaton aŭ prepari la vesperan?!

Iam ajn inter la 13a kaj la 17 a h, ĉi-lunde, se vi interesiĝas pri Esperantologio, vizitu la salonon Jaumotte.

### Ekzamenoj

Certe vi jam legis ke ĉi-jare eblas ekzameniĝi dum la UK. Se vi volas partopreni en tiuj ekzamenoj, kiujn organizas Germana Esperanto-Instituto (GEI), bonvolu anonci vin ĝis plej malfrue hodiaŭ posttagmeze ĉe la giĉeto "ekzameno de GEI". La skriba parto de tiu ekzameno okazos je lundo kaj/aŭ mardo, la buŝa je vendredo.

Detalojn vi ricevos dum via anonciĝo.

### Akcepto por FRG-anoj

Por la kongresanoj el FR Germanio la ĝenerala konsulejo aranĝos akcepton je vendredo, la 30-a de julio inter la 11h30 kaj 12h30 en salono de la kongresejo (anoncota en la halo).

### Virinoj, venu!

Ĉiuj virinoj estas invitataj al la kunveno pri virina agado je 17h00 - 18h00, hodiaŭ, en salono van Schoor.

S-ino Belka Beleva prelegos pri publika parolado por helpi virinojn esprimiĝi en la Esperanto-movado. Poste estos ebleco mem ekzerci.

## NOVAĴOJ

### 1855 el 51

La aktuala nombro da kongresanoj je la vespero de la 24-a de julio estis la jena:

Aliĝis al tiu ĉi UK 1855 homoj el 51 landoj.

Sekvos ankoraŭ detala statistiko, kiam ĉiuj aliĝoj estos prilaboritaj.

### ON8YX

Tiuj signoj formas la voksignon de la kurtonda kongresa sendostacio en la kongreseja halo. La UK ricevis specialan permeson de la belga ŝtato por radie komuniki kun la tuta mondo el la kongresejo. Jam estis kontaktoj kun Esperanto-parolantoj en Brazilo kaj eŭropaj landoj.

Ĉiuj kongresanoj estas invititaj viziti la standon.

### Kiel rendevui?

Se vi volas rendevui iun personon aŭ kontakti iun, ĉar ekzemple vi legis anoncon en la KONGRESA KURIERO, bonvolu uzi la **Rendevuan Tabulon** laŭ la instrukcioj sur paĝo 19 de la Kongresa Libro.

### Ekskursantoj!

Memoru, ke pri ĉiu ekskurso ekzistas gvidfolio kun indikoj pri la vidindaĵoj. Prenu ĝin en la koncerna giĉeto.

### Kongresa Libro sur kaseto

Por blinduloj du kasetoj kun la teksto de la Kongresa Libro de la 67-a UK estas prunteprenеblaj ĉe s-ino Nora Reinders (UEA-kodo nora-f).

### «Homaj loĝlokoj hodiaŭ kaj morgaŭ»

Sub tiu temo okazos **seminario de TEJO** (Tutmonda Esperantista Junulara Organizo) inter la 15-a kaj 22-a de aŭgusto 1982 en Szentendre, ĉarma hungara urbeto, kultura centro kun multaj vidindaĵoj nur 10 kilometrojn norde de Budapeŝto. Mondfamaj fakuloj prezentos prelegojn pri la seminaria temo. Krome okazos diskutoj, filmprezentadoj, planludo, ekskursoj, teatra prezentado, popola muzika grupo, serba kultura festo, vizito al unu el la plej grandaj vilaĝaj muzeoj kaj aliaj programeroj.

Partoprenkotizo: nur 150 ned. gld, repago de granda parto de la vojaĝkostoj!

Pliaj informoj kaj aliĝo eblas ĉe: s-ro András Lukács (UEA-kodo lkcs-r) aŭ s-ro Paŭlo Hopkins (UEA-kodo pash-e).

### Bona Espero

Por la prospero de Bona Espero laboras nun jam de pli ol unu jaro la registrita societo BONA ESPERO.

Ĉar la ĉefa prizorganto de tiu societo, s-ino Magret Brandenburg, devis jam revojaĝi, bonvolu informiĝi letere, se interesas vin la agado. Jen la adreso:

Magret Brandenburg
Brinker Damm 24
D-4404 Telgte

### Denove Internacia Esperanta Ĥoro

Se vi ŝatus kanti en 'Internacia Esperanta Ĥoro', vi kontaktu s-ron D. Terziev el Bulgario (UEA-kodo dter-t). Kantemuloj kolektiĝu por informiĝi pere de s-ino Hilde van Inelgem ĉe la giĉeto por teatro kaj artaj aranĝoj.

Estu bonvenaj!

### Dumkongresa Turisma Foiro

"ESPERANTOTUR", Turisma Servo de UEA organizas dum la Kongreso specialan Turisman Foiron marde je la 17a. La celo de ĝi estas ebligi al la organizantoj de la internacia Esperanto-turismo reciprokan kontakton, por pridiskuti estontan kunlaboron. Dum la Foiro oni subskribos unuajn kontraktojn pri interŝanĝo de Esperanto-grupoj. Ne mankos ankaŭ diskuto pri la Monda Turisma Konferenco ĉi-aŭtune en Meksiko.

## LASTAJ ALIĜOJ

**HUNGARIO**

| | |
|---|---|
| robe-p | Becálel, D-ro Róbert Wesselényi, u 40, H-1075 Budapest |
| brma-o | Bruzsa, S-ino Magdolna, Dereglye u. 1, H-1036 Budapest |
| ecsi-p | Csiszár, S-ro Ernö, Thury György Gimnazium, Kulich Gyula u. 25.V.16, H-8100 Várpalota |
| zscs-r | Csiszár, S-ino Zsuzsanna, Kulich Gy. u. 25.V.16, H-8100 Várpalota |
| gucs-x | Csomor, S-ro Gyulá, Kölcsey 28 sz, H-6900 Makó |
| mcso-v | Csomorné Tilimpás, S-ino Mária, Kölsey 28, H-6900 Makó |
| eddo-q | Dór, S-ino Edit, Óvoda u. 3, H-4080 Hajdunánás |
| maev-w | Evva, S-ino Margit, Hevesi Gy. u. 107/II/8, H-1157 Budapest |
| kafa-x | Faggyas, S-ino Katalin, Frankel Leo u. 24, H-1027 Budapest |
| evfr-r | Farkas-Tatár, S-ino Eva, Dohány u. 36/II/2, H-1077 Budapest |
| kfut-j | Futo, S-ino Katalin, Pécskö u. 8, H-3100 Salgótarján |
| feha-n | Hamza, S-ro Ferenc, Hunyadi u. 22.fsz.3, H-6900 Makó |
| mafr-m | Hamzáne Farkas, S-ino Mária, Hunyadi u.22 fsz 3, H-6900 Makó |
| imjh-s | Juhász, S-ino Imréné, Ady Endre u. 76, H-6800 Hódmezövásárhely |
| gmko-j | Koltai, S-ino Gvörgyi Mária, Engels u. 40/III/2, H-3529 Miskolc |
| evkr-x | Krasznai, S-ino Eva, Sallai Imre út 20/b, H-1136 Budapest XIII k |
| male-b | Lengyel, S-ro Márton, p/a HEA, pf. 193, H-1368 Budapest |
| lkcs-r | Lukács, S-ro András, ĉe HEJ, pf. 193, H-1368 Budapest |
| istv-u | Mészáros, S-ro István, Segesvár u. 14, H-1194 Budapest |
| gyme-p | Mézes, S-ino Györgyi, Csapó u. 46, H-4029 Debrecen |
| evmi-i | Miha, S-ino Éva, Rendezö 63 sz., H-7630 Pécs I. Pécsbánya |
| door-e | Orsó, S-ino Dóra, Kallómalom u. 9 VI/1, H-3300 Eger |
| pall-m | Pallós, S-ino Elizabeta, Ybl Miklós u.9.I.em.2, H-7633 Pécs |
| evap-v | Pálvölgyi, S-ino Éva, Emlékkö u 6, H-1163 Budapest |
| pata-j | Pataki, S-ino Lajosné, Róbert K. Krt. 20.IV.54, H-1138 Budapest |
| ospr-s | Princz, S-ro Oszkár, Ilka u. 32/III/4, H-1143 Budapest |
| rado-z | Rados, S-ro Péter András, Zemplén Gyözö u.2.V/48, H-1039 Budapest |
| szim-q | Szabó, S-ro Imre, ĉe HEA, pf. 193, H-1368 Budapest |
| tisz-m | Szabó, S-ino Tiborné, Hámán Káto u. 64, H-4027 Debrecen |
| misz-a | Szekeres, S-ro Mihály, Fütö u. 1/a, H-6900 Makó |
| msze-v | Szekeres, S-ino Mihályné, Fütö u 1/a, H-6900 Makó |
| szem-g | Szemök, D-ro Balázs, Pozsonyi u. 2, H-2737 Ceglédbercel |
| okna-f | Tankó, S-ino Helena, Örház, H-7630 Pécs-Pécsujhegy |
| mvho-i | Vaskóné Horváth, S-ino Márta, p/a HEA, pf. 193, H-1368 Budapest |
| zsla-t | Zsoldos, S-ro László, Somlói út 50/a, H-1118 Budapest |
| | **ITALIO** |
| dflp-b | De Filippo, S-ino Violetta, viale Malta 11, I-50137 Firenze |
| abrt-b | Tomasoni, S-ro Alberto, Qu. Abba, IX, 3, I-25100 Brescia |
| | **JUGOSLAVIO** |
| sspo-z | Ŝtimec, S-ino Spomenka, Podbrežnica objekt 14, st.2, YU-41410 Velika Gorica |
| | **MADAGASKARO** |
| jran-h | Randriamampionona, S-ro Justin, Lot. VA-20-BA, Tsiadana, Antananarivo |
| | **PORTUGALIO** |
| mesa-h | Santos, S-ro Mario Eusebio, Rua do Miradouro 12, P-2735 Cacèm |
| ssps-f | Santos, S-ino Ma. Salete Pereira dos, Rua do Miraduoro 12, P-2735 Cacèm |
| | **SVEDIO** |
| katm-l | Michnik, S-ino Katarina, Flogstavägen 59D, S-752 63 Uppsala |
| | **USONO** |
| rmuy-b | Murphy, S-ro Ralph, 231 Ashmont Street, MA 02124 Boston (Dorchester) |
| juli-f | Tonkin, S-ino Julie, 1631 Spruce St., PA 19103 Philadelphia |

## ARTO

### Teatro

**La Krizalido**, teatra grupo el Akvitanio (suda Francio) (UEA-kodoj kriz-r kaj alid-j) prezentos hodiaŭ posttagmeze je la 14h30 en salono Arenberg la satiran humurajon **La Evento** de GUY FOISSY.

La 'evento' - tiu estas unu el la plej grandaj imageblaj katastrofoj en multaj hejmoj: **Paneas la televidilo!**

Mem spektu, kiajn sekvojn tia evento povas havi.

Kaj se tre plaĉos al vi tiu spektaklo, parolu kun Krizalido, ĉu eble ili povos surscenigi "La Evento"n aŭ ilian alian teatraĵon "Ĉu dio bojas?" de FRANCOIS BOYER. Se vi maltrafas ilin ĉi tie, jen ilia adreso:

La Krizalido
15, rue Clermont
F-46100 Figeac

## AMUZIĜOLOGIO

### Bela broŝuro

Por multaj kongresanoj stariĝas la demando: Kion fari post la fino de la kongresaj programeroj? Simple enlitiĝi kaj dormi - tion oni ankaŭ povas fari hejme!

Pli interesa alternativo eble estas konatiĝi kun la gastejoj de nia vigla kongresurbo. Ĉarma broŝuro verkita de Anne Tilmont "etosplene amuziĝi (kaj trinki) en Antverpeno" bone gvidas vin tra la amuzkvartaloj. La broŝuro, havebla senkoste ĉe la giĉeto 'dokumentoj' krome sciencnivele traktas specife belgajn temojn: bierologion, kafologion kaj la regulojn de la ŝaŭmo sur la biero.

Kaj se vi renversigas tiun broŝuron, jen vi havas duan broŝuron! Tiu dua komenco de la broŝuro temas pri "abunde manĝi en Antverpeno" kaj same sperte gvidas vin tra la internacia gamo da ĉiam malfermitaj restoracioj en tiu havenurbo. Kompreneble ne mankas detala analizo de la ĉefa belga nutraĵo; fritoj







## Kontakti la Internacian Olimpikan Komitaton

La Internacia seminario pri la sporto en la moderna socio, kiu okazis en Madrido de la 8-a ĝis la 11-a de julio, sub la patroneco de la reĝo de Hispanio, kuraĝigis UEA daŭrigi sian ĝisnunan laboron en la kampo de la sporto kaj sugestis, ke UEA ellaboru en tiu kampo oportunan agadplanon ĝis la venontaj futbala ĉampionkonkurso kaj Olimpikaj Ludoj.

Krome, la seminario esprimis la deziron, ke UEA kontaktu la internaciajn sportajn organizaĵojn, FIFA, kaj la Internacian Olimpikan Komitaton kun la celo atentigi ilin pri la ligva problemo en la sporto kaj pri ĝia solvo per Esperanto.

La seminario sugestis, ke UEA starigu daŭran kontakton kun la sportistoj kaj sport-instancoj, kiuj jam esprimis sian subtenon al Esperanto, ĉefe kun la futbalisto Pele, kaj estonte dediĉu, laŭeble, kongresan plenkunsidon al la sporto.

Fine, la seminario instigis la Landajn Asociojn de UEA peti la naciajn sportajn organizaĵojn, ke ili aperigu modern-metodajn korespondajn kursojn de Esperanto en siaj periodaĵoj kaj instigu la sportistojn, sport-arbitrojn, sport-juĝantojn kaj sport-ĵurnalistojn lerni la Internacian Lingvon kaj utiligi ĝin dum internaciaj sportaj konkursoj.

## ANONCETOJ

- **Lingvisto** partoprenonta universalan kongreson de lingvistoj en Tokio (29 aŭgusto - 4 septembro) deziras renkonti japanajn esperantistojn dum sia restado en Japanio (20 aŭgusto - 6 septembro 1982). Francois Lo Jacomo (floj-x), Parizo, Francio.

- Mi ne plu povas, ĉu vi? Provu! Se jes, bv tuj helpi. Tuja ĉiu-speca helpo duobla helpo rekonstruo E-domo por ĉiuj en proksimeco Plitvicka Jezera YU. Loko belega rivereto, fontoj, fiŝoj, monte ursoj, paradizo por pentristoj, foto, kino. Kunposedanto Smolic, Riemecke- 3, D-4790 Paderborn.

- **La kancerkliniko**, politika, kultura, furora revuo reapaeros en septembro sub tute nova grafika aspektokonceptita de H. Elik kaj K-io (Jes!) Tuj abonu! Ĵ. Le Puil, / Pl. Lavoisier (61), F-93380 Pierrefitte -44 FF- Pro-vekz.: 3 irk. Jen! Cu? Ja! Ja! UF

- EKSKAPU AL PLI MALFERMA TURISMO! Aĉetu la kajeron 1982 de Pasporta Servo - kaj vojaĝu libere tra la mondo

## BELETRA ANGULO

Emile Verhaeren (1855-1916)

### Vespero

Kaj buŝoj la arĝentaj kaj ŝtona la rigard'
Senmezure ekkaŝos la misteron sen ard'
De la noktmez' kun pavimo de enu'.

En l' oraj etergloboj, steloj solaj kaj solaj.
Nur turnas, kvazaŭ de muelil' ŝtonoj malmolaj.
En la noktmez' kun pavimo de enu'.

Plenaj je silento, monumentoj kaj etaĝoj
Duonvidiĝas transe grandaj nubaj pejzaĝoj
De la noktmez' kun pavimo de enu'.

Ĉu iu scias jam, kiom da feraj sigeloj
Sur la ŝtonoj eksplodos en tombejaj malheloj
De la noktmez' kun pavimo de enu'?

Kiuj kohortoj, kun funebraj paŝoj aktivaj
La eternecon rompos de horoj la senvivaj
De la noktmez' kun pavimo de enu'?

Kaj fermos por ĉiam en ŝtonokula senfebro
Misterajn kristalojn kaj orojn en la palpebro
De la noktmez' kun pavimo de enu'.

### Al la flandrinoj de Rubens

Hordeoj maturiĝas pro somera la sezono,
Viaj karnoj bronziĝas, abundegaj pro sanec',
Montru nin la riĉaĵojn de forta via belec',
Vastkorpaj la Flandrinoj, kun plenpeza via zono

Sur fojnamas' sterniĝu vi, en pozo de enu'!
Fortikaj estas torso: ruĝaj, mamoj sukoplenaj,
Kvazaŭ sablo ĉe la mar', tiom haroj, ja ebenaj,
Kaj per ama nia brak', premiĝas via genu'.

Adoregi lasu vin, en plenlumo, kun fiero,
Kiam de l' fajrĉielo, varma falas vento ond';
Kiam ĉirkaŭ blua lag', - fiera senmova rond' -,
Majeste staras kverkoj en tropika la aero.

Kiam eksentas nigra kaj flavruĝa bovovir'
De subita la seksard' frenezigan la signalon;
Kiam oni en ĝarden', alrigardas virĉevalon,
Kiu nervplene blekas, sub la arboj en spalir';

Kiam senfina amo, en la korojn elverŝiĝas,
Kaj ili malfermiĝas sub intensa la karnem',
Kiel kurbiĝas veloj, sub marega la fiprem',
La premado de la vent', kiu brue frakasiĝas.

Tiel, kun korpoj viaj, similaj al brilopal'
Kun gloraj viaj korpoj de freŝkarnaj belulinoj
Ni ĉiujn vin adoras, de l' patrujo la virinoj,
Kiuj por ni estadas, nia karna ideal'.

*el la franca trad. Maurice Jaumotte*

Karel van de Woestyne

### Bonfaras al la koro ...

Bonfaras al la koro dolĉa amdezir',
humorŝanĝiĝi laŭ proksima, fora rido,
manĝinta l' zorgopanon dum vesper', kun fido
leviĝi en maten' post nova ĝojakir',
malĝojon forgesigis nova la amvido.

Feliĉon — mi ne konas ĝin; pro via bel'
vizaĝa en kviet', mi tamen ĝoje tremas,
kvazaŭ infan', vadanta tra l' akvuja hel'
hezite, la okul' stranggaja, kiun premas
l' arĝenta freŝ' ĉe la pied', de l' flu-akcel'.

Ĉar mi vin amas kaj se mi timeme iras
okulfermite nur al via rid', ĉe vin,
infan' mi estas en arbej', kiu sopiras
en vesperbel' la brilfruktaron sed tim-miras
pro tiom da belec' kaj ne ektuŝas ĝin.

*elflandrigis H. Vermuyten*

# HEROLDO DE ESPERANTO

**Fondinto:** Teo Jung. — **Eldono, redakcio, administracio:** Heroldo de Esperanto, Ada Fighiera-Sikorska, C/ J. Ramón Jimenez 28, 6° A, Madrid 16, Hispanio. — **Poŝtkontoj:** Bruselo 000-0078887-26 — Köln 194943-504. — **Bankoj:** Banco de Bilbao, Madrid 14, cta. $USA 4509, A. Sikorska-Heroldo. *Por hispanoj:* Banco de Bilbao, ag. 29, cta. 434920006727. — *Dir. resp.:* Aldo de' Giorgi. — Abonantoj en 65 landoj. — **Baza jarabono:** 15 US$. — **Eldono por la 67ª UK - Antverpeno.** Kompostas: Bruĉjo Kasini, Thomas Bormann. — Presas: Torben Kehlet. — **Senpage distribuata al la kongresanoj.**

LA PLEJ OFTA INTERNACIA GAZETO DE LA ESPERANTO-MOVADO

N-RO 3 | 67-a UK · ANTVERPENO · KONGRESA ELDONO | 27-a JULIO 1982

# Hindaj pupistoj prezentis Tagore

La publiko kiu lundon kolektiĝis en la teatro Arenberg agrable sciiĝis, ke la anoncita teatrajo de Roberto Bánky «Pupmikso» ne estos la sola teatra programo. Al ĝi aldoniĝis «Malsata ŝtono» de Rabindranath Tagore, kiun prezentis Junulara Pupteatro Bharato el Kalkuto. Tiel neantaŭvidite pupteatra prezentaĵo transformiĝis al pupteatra antaŭtagmezo en daŭro de preskaŭ tri horoj. Pacienca, la publiko varme aplaŭdis al la hinda ensemblo. Tio estis pli la aplaŭdo al la hinda ĉeesto inter ni, ol la aplaŭdo por pupteatra arto.

## Amik' en Afrik'

Tiuj, kiuj jam atingis paĝon 74 de la Kongresa Libro scias, ke kongresanoj povas sendi salutkarton al afrikaj esperantistoj.

La giĉeto funkcias **ĉiutage** de la 12a ĝis la 14a horo en la akceptejo: jam multaj kongresanoj aĉetis salutkarton.

Por amase inspiri al afrikanoj la senton, ke la Kongreso ne forgesas pri ili, UEA volas atingi milon da kartoj, do ĉiu kongresano vizitu la giĉeton *Amik' en Afrik'* kaj ĝojigu niajn afrikajn amikojn.

## Trilanda Renkontiĝo

La 9-an de oktobro okazos en Dueren (FRG) tradicia Trilanda Renkontiĝo, kun i.a. prelego de H. D. Maas «Ĉu Esperanto estas komputila lingvo?» kaj internacia vizito.

Inf.: E. Melle, Alte Juelicherstr. 129, D-5160 Dueren.

## 38a Dan-Sveda Tago

Jam por la 38a fojo okazos Dan-Sveda Esperanto-Tago; la 5an de septembro en Roskilde (Danlando), kun riĉa programo. Inf.: *B. Kühlemann, Løvetandsvej 31, DK-2700 Brønshøj.*

# Mallonge el la tuta mondo...

## Politiko

**Arafat agnoskas Israelon** — Yasser Arafat subskribis dokumenton adresitan al grupo da usonaj parlamentanoj nuntempe vizitantaj Bejruton: en tiu dokumento li deklaras akcepti ĉiujn rezoluciojn de Unuiĝintaj Nacioj pri la palestina demando. Ĉar unu el la rezolucioj agnoskas la ekzisto-rajton de Israelo, la deklaro de Arafat aŭtomate signifas la agnoskon de Israelo fare de OLP.

Intertempe, daŭras la batalado en Libano. La israelaj aerbombardadoj de Bejruto estas ĉiutagaĵo, same kiel la artileridueloj. Laŭ palestina fonto, la dimanĉaj bombardadoj kaŭzis 62 mortintojn. La israela aerfloto detruis sirian baterion da paf-raketoj, sed perdis unu aviadilon Phantom.

**Naŭ israelaj ministroj kontraŭ asalto al Bejruto** — El 19 israelaj ministroj, 9 kontraŭas asalton kontraŭ Bejruto. Pro ilia premo, la israela ministro de eksteraj aferoj subite decidis flugi al Vaŝingtono por starigi novajn diskut-kontaktojn kun la nova usona ŝtat-sekretario George Schultz.

**Alĝerio: pac-juĝanto inter Irano kaj Irako** — Irano akceptis sub rezervoj la arbitracion de Alĝerio koncerne sian konflikton kontraŭ Irako. La kondiĉoj de Irano por halti la militon estas: kompleta foriro de Irakaj trupoj el irana teritorio; ricevo de 150 miliardoj da dolaroj pro milit-damaĝoj; nomigo de arbitracia komisiono kaj reveno al Irako de cent mil irakaj rifuĝintoj nuntempe instalitaj en Irano.

**OAU: opini-divido pri Polisario** — La Organizo por Afrika Unuiĝo komencis la preparlaborojn de sia jara pint-kunveno, kiu malfermiĝos la 5-an de aŭgusto en Tripoli. La afrikaj landoj estas dividitaj pri la demando akcepti la movadon Polisario. Du kunvenoj de ministroj jam malsukcesis pro bojkoto flanke de kelkaj membroj. Oni timas, ke ankaŭ la kunveno en Tripoli ne atingos la kvorumon.

**La Eŭropa Komunumo serĉas komercan interkonsenton kun Usono** — La 10 ŝtatoj membroj formale petis la Eŭropan Komunumon intertrakti kun Usono globalan siderurgian interkonsenton. Ili tiel rezignis je la proceduro de duflanka traktado, kiun ili pli frue adoptis.

**Sovetunio evoluigis novan submaran pafraketon** — Adm. Sergej Gorŝkov anoncis en artikolo aperinta en Pravda, ke Sovetunio evoluigis novan strategian submaran pafraketan sistemon, kiu «ebligos, ke la lando defendu sin en kazo de atako».

**Marŝo por senarmado en Moskvo** — Ĉ. 700 rusaj laboristoj kaj aliaj civitanoj kunmarŝis pasint-sabate kun 300 skandinavoj en la Moskva ĉef-strato Gorkij por esprimi sian opozicion kontraŭ la nukleaj armiloj: unu el la sloganoj estis «*Ne al la atomaj armiloj en Eŭropo — oriente kaj okcidente*». La skandinava grupo pli frue marŝis en Vyborg, Leningrado kaj Kalinin, kaj intencas manifestacii en Smolensk kaj Minsk.

## Ekologio

**Tromultiĝo de aligatoroj** — La aligator-protekta programo en Usono tro sukcesis! La enloĝantoj de Florido, Luisiano, Teksaso kaj Suda Karolino plendas, ke la aligatoroj, leĝe protektataj ek de 1960, tromultiĝas lastajare kaj tro ofte aperas sur la golfludejoj. La protekt-reguloj estas nun reviziataj fare de la usonaj aŭtoritatoj.

## Medicino

**Unua transplantigo en homan cerbon** — La unua tutmonda transplantigo de ĉeloj en homan cerbon okazis sekrete antaŭ du monatoj en Stokholmo. La operacion plenumis du kuracistoj de la Instituto Karolinska por klopodi kontraŭbatali la t.n. malsanon de Parkinson, kiu povas komplete paralizi malsanulon. Oni malmulton scias pri la rezulto de la transplantigo, escepte de tio, ke la paciento fartas "iom pli bone".

## Metereologio

**La vetero en Belgio, mardon** — Ŝanĝiĝema vetero kun belaj klaroj kaj izolaj subitaj pluvetoj. Temperaturo inter 18° kaj 20° posttagmeze; de 9° ĝis 13° nokte.

## Socio

**Aviadil-kaperi fiaskis en Pekino** — La unua klopodo pirati-kaperi civilan aviadilon en Ĉinio fiaskis. La kvin aer-piratoj renkontis reziston fare de la aviadila personaro kaj de la pasaĝeroj sukcesis eksplodigi grenadon, kiu mortigis ilin.

**Drama pluvsezono en Japanio** — Laŭ provizora bilanco la torenta pluvego kiu falegas en la regiono de Nagasaki ek de pasinta vendredo, ĝis nun kaŭzis 152 mortintojn kaj 83 vunditojn: aliaj 198 personoj malaperis.

Entute 28 000 personoj estas iel frapitaj de la katastrofo.

## NI FUNEBRAS KAJ KONDOLENCAS

Lastatempe forpasis:

- **Teruo Egami** (Japanio), Honora Patrona Membro de UEA
- **J. T. Allan**, la ĉefdelegito de UEA en Nov-Zelando.
- S-ino **G. Chomette** (Usono). Ŝi postlasis al UEA grandan libraron, en kiu troviĝas kelkaj raraĵoj, ekz. la unua lernolibro de Esperanto de 1887.

## Novaj abonantoj

**Ĉiuj tutnovaj abonantoj, kiuj pagos nun sian abonon al HEROLDO (pagoj akceptataj ĉe la kongresa libroservo) por 1983 ricevos senpage la gazeton ekde nun ĝis la fino de 1982.**

FLANDRA KUIRARTO

## Flandra karbonado

**Por kvar personoj:** *800 g da bovviando, trancita en kubetoj de ĉ. 15-20 g; 50 g da butero; 5 mezgrandaj cepoj; 1 pantranĉo; 1 supkulero da pika mustardo; 1 timianbranĉeto; 2 laŭrofolioj; salo; pipropulvoro; akvo kaj samkvante biero, sufiĉaj por kovri la preparon.*

**Kuntrinkaĵo:** forta kaj bonkvalita flandra biero.

**Preparo:** Fandigu la buteron en kaserolo je malalta fajro, aldonu la cepojn fajne tranĉitajn kaj ofte kirlu per ligna kulero ĝis ili iom blondiĝos. Aldonu la vianderojn, iom altigu la fajron kaj lasu kuiri dum kvaronhoro. Spicu per salo kaj pipropulvoro kaj fine kuŝigu sur la tuto larĝan kaj dikan pantranĉon sen krusto, kiun vi antaŭe abunde ŝmiris per mustardo. Per la akvo kaj biero ĝiskovru la preparaĵon, aldonu la timianon kaj la laŭron kaj malrapide ekboligu la likvaĵon. Kovru la poton kaj pluboligu malaltvarme dum almenaŭ du horoj. Kvaronhoron antaŭ ol forpreni la kaserolon el la fajro vi povas aldoni al la viandsaŭco du sukerkubetojn.

Servu surtable en la kuirpoto mem.

**Noto:** ĉar la biero estas esenca elemento de la preparo, nepre elektu bonkvalitan. Premmarmito estas tre taŭga por tiu ĉi preparo. Laŭ persona sperto de nia redaktorino, oni atingas bonan rezulton se oni uzas nur bieron, sen aldoni akvon.

Camille Lemonnier (1845-1913)

## Bruĝo

La vidaĵo estas mirinda; tiel malproksime kiel iras la rigardo, ĝi nur renkontas ĉevronajn frontonojn, turetojn, pintaĵojn, elstarantajn el la amasiĝo de la ruĝaj tegoloj kaj de la grizaj ardezoj, en luma paleco, en kiu vibradas suntremoj. Denove sin atestas la imponeco de tiu lumo de la Flandrioj, lavanta la horizontojn per oroj kaj muarbriloj, malheliganta la lustron de la tono sub agonio de varmeco, pluvanta je la matenaj horoj en rosaĵoj ĉiukoloraj, sub kiu dissolviĝas, nubiĝas kaj neniiĝas la realeco fortika, kiel en iluzio de sonĝo. Tie ĉi estas kvazaŭ en la laborejo mem de tiuj misteraj alĥemioj: oni ĉeestas la formadon de la vaporoj, laboristinoj nelaciĝeblaj de la iluzioj, oni vidas ilin subite fali sur la domojn, krevi ĉe la ŝtratanguloj, konvulsie tremeti je la ĥorejoj de la preĝejoj, disrompiĝi je la pintoj de la turoj, eligante el siaj flankoj briletantan kaj ruĝkoloran ondon. Kaj en tiu senkompara atmosfero, en tiu paradizo de malsekaj helecoj, kun la dolĉe miksitaj nuancoj kaj kiujn nur la delikataj frotkoloroj de la paŝtelo kapablus esprimi, dormetas, je la akvomurmuro de siaj kanaloj, la granda amazono glorega de la pasinteco, kiu iĝis la bona maljunulino kaduka kaj malĝojema de nun.

Ĝis nevidebleco etendiĝas kaj amasiĝas ĝiaj palacoj, ĝiaj «steenen», ĝiaj korporaciaj domoj, ĝiaj staploj, ĝiaj komunaj konstruaĵoj, ĝiaj preĝejaj turoj. Jen la «Bourg», kie ĝi naskiĝis, la linioj de ĝia primitiva teritorio, la fluejo de ĝia riverego, la domo de ĝiaj grafoj, la kapelo de la Sankta Sango, tiu Dipatrina Preĝejo, kie kunvenis la kanonikaro de la Ora Felo, la malhela templo de la Sankta Savanto, Sankta Jakobo, la Akademio, la hospitalo, la «Craenenburg», tuta parado de gravaj figuroj ŝtonaj kaj brikaj, memorigantaj la homojn, la kuraĝon, la leĝion, antaŭe neviditan prosperon sekvatan de eksterordinara dekadenco. De el tiu alta observejo, okulo sperta kapablas sekvi la historion de Bruĝo tra ĝiaj sortovicoj kaj ĝiaj belecoj, ree supreniri la fluon de la jarcentoj, restarigi, dank' al ĝia kadro, la apogeon de ĝiaj antikvaj energioj, kaj saltante de turo al turo, kiel birdo de branĉo al branĉo, en tiu ŝtona kaĝego antaŭe tiel ĝuama, absorbiĝi meze de ĝia tumulta civilizacio mortinta.

Tie bruegis la paradoj; tie kuris al la publika placo, laŭ la kolera paŝo de la ribelo, la komunumaj militantaroj; tie rondiris la procesioj, la sekvantaroj, la «ommeganck», sub la flirtado de la flagoj, la briletado de la oraĵoj kaj de la juveloj, la lukso de la kostumoj; tie popolo industria de l' mateno ĝis la vespero batis la amboson, per tia nekunpremebla fervorego, ke Bruĝo estis konsiderata kiel unu el la grandaj forĝoj de la mondo; tie kantis la amo, la laboro, la vivo; tie, fine, senĉese naskiĝis la homoj por la lukto, la morto kaj la gloro.

Tiu tuta aktiveco dronis en la nigraj truoj de la arkoj, en la silento kaj la morto de la kanaloj, kiujn tie ĉi oni vidas rebrileti, ektuŝitajn de lumstrio. Kiel kreskaĵoj sur peco de muro ruiniĝinta, konfuzamaso de vegetaĵaro debordanta, melankolioj de soleca parko, helaj verdaĵoj de publikaj ĝardenetoj aperis en la homa dezerto, ŝtopante per natureterneco la malplenojn postlasitajn de la forpasinta homaro.

Estas je tragedia malgajaĵo. Ankoraŭ momenton nia penso iru al ili, antaŭ ol enprofundiĝi en la spektaklo de tiu Flandria tero, kiu ekaperos, unu etaĝon pli alta, en sia materia lukseco kaj kiu, simila al potenca laboristino neniam ripozanta, daŭrigas ellabori, ĉirkaŭ la funebro kaj la soleco de la urboj, la mirindajn sukojn de siaj herbejoj kaj de siaj rikoltoj. Sed, samtempe kun la bedaŭro pri tiu ruiniĝo de popolo, ni respekte, admiru ĝian obstinan penon por ne malaperi. Ne ekzistas en tiu-ĉi vivanta kaj laboranta Belgujo nuna, pli kortuŝanta aserto pri la nedetruebleco de la memkonserva sento. Tiu vivospiro, kiu restas al ĝi post tiom da mizeroj, kiuj sinsekve ĝin premegis kaj ŝajnas eternigi ĝian agonion por igi la morton pli dezirinda al ĝi, Bruĝo ĝin uzas por rerektiĝi, el la fundo de sia dolorabismo, kontraŭ la neeviteblaj sortobatoj.

*elfrancigis Jeanne Van Bockel*

# KONGRESA KURIERO

## PROGRAMŜANĜOJ

### Bv noti!

La **Giĉetoj** ekde hodiaŭ estos malfermitaj ĉiam inter la 9-a kaj 13-a horo kaj inter la 14-a kaj 19-a horo.

Hodiaŭ la **skriba ekzameno de GEI** daŭros de la 13h30 ĝis la 16-a horo en salono **Jaumotte**.

Sekve, la kunveno pri **sporta agado** estos en salono **Schoofs** ekde la 16-a horo.

Ni memorigas, ke la **Komisiono pri Elektoj** okupos salonon **De Ketelaere** ekde la 15h30.

Ni atentigas, ke la kunsido en salono **Vermuyten** ekde la 11h30 estas **nur por invititoj**.

## PROGRAMDETALIGOJ

### Kongresa temo

En debatoj podiaj, publikaj kaj laborgrupaj ni traktos la Kongresan Temon. Junularaj interesoj kaj vidpunktoj estos diskutataj **marde je la 9-a horo** en salono **Hodler**. La saman tagon, je la **14-a horo**, en salono **Hodler**, ni klopodos superrigardi la dezirojn de nia plej matura generacio.

Ĉu nia Movado sufiĉe atentas pri la mezaĝa generacio? Se ne, protestu en la salono **Zamenhof**, **ĵaŭde je la 9-a horo**. Resumon kaj konkludojn ni faros en la 2-a Ĝenerala Kunsido, **ĵaŭde je la 14-a horo** en salono **Zamenhof**.

Venu armita per malfacilaj demandoj pri **generaciaj aspektoj de la Esperanto-Movado.**

### Rapidu por esti ĝustatempe en la infero!

Por sia unua prezentado en kadro de Universala Kongreso, **TESPA** elektis teatraĵon de mondkonata filozofo Jean-Paul SARTRE: **Sen Eliro** (franclingve: *Huis clos*), esperantigita de Roger Bernard.

"La infero, tio estas la aliaj": Tion klopodas montri la aŭtoro per unuakta teatraĵo (daŭro: 1h 40), dum kiuj unu viro kaj du virinoj alvenas en inferon, t. e. preskaŭ normala salono; kian torturadon ili suferos? Tion vi povos vidi en teatro Arenberg, hodiaŭ matene je la 10-a horo, kie TESPA, Teatro Esperantista de Parizo, prezentos **Sen Eliro**n de Jean-Paul Sartre.

### MONATO-kunveno

Hodiaŭ matene je la 10-a horo okazos kunveno de la **kunlaborantoj de MONATO** en la Esperanto-Domo, Frankrijklei 140.

### Program' de l' kabared'

Hodiaŭ vespere ekde la 20-a horo okazos la balo en la festsalono de **"de Handelsbeurs"** (Meir), dum kiam ankaŭ **La Ruza Kruĉo** el Parizo prezentos al vi **Kabaredan Vesperon**. La anoj de tiu kabaredo estas: Georgo LAGRANGE, Anna LAZARUS, Ĵak LE PUIL, Armela LEQUINT, Laŭrenco SEPTIER kaj Serĝjo SIRE.

Jen la programo de ilia prezento:

**Unua Parto**

1 Uverturo (de Ludwig Van Hooten) kun la ĥoro de la **Ruza Kruĉo**
2 Ergopsiĥoterapio (Laŭrenco, Serĝjo, Armela)
3 Ordinara vespero (Armela, Georgo)
4 Vivisekcio (Laŭrenco)
5 Politika Analizo *Bluso* (Serĝjo)
6 Noo (Laŭrenco)

**Dua Parto**

1 Fonoterapio (Ĵak, Serĝjo)
2 La Forko de l' Festeno *Opero de Ĝustete Verda* (Serĝjo, Armela kaj aliaj)
3 Embriologio (Laŭrenco)
4 Katologio (Georgo, Armela)
5 Aparta mateno *de Prevert* (Armela)
6 Recitalo (Ĵak)
7 Finalo (la tuta trupo)

### Ĥoro ĉiutage

Kantemuloj povas renkontiĝi ĉiutage en salono **Hodler** je la ĉi-subaj horoj por kanti en internacia ĥoro: 10h30, 12h00, 17h00.

### UMEA-bankedo

La UMEA-bankedo okazos **merkrede**, la 28-an de julio, je la 19h30 en la manĝosalono de la kongresejo. Prezo: 1000 bfr. Bv. anonci vin ĉe d-ro H. Shinoda aŭ ĉe d-ro W. De Smet.

### Junulara vespero

Ĵaŭde okazos la **Junulara Tago**. Jen la speciala programo por tiu tago:
11-a horo: kunveno en la akceptejo
12-a horo: tagmanĝo (50 bfr)
14-a horo: serĉpromenado tra la urbo
19-a horo: vespermanĝo (rostita viando) (125 bfr), festo

Por akiri la manĝkuponojn bonvolu viziti la **Junularan Giĉeton**.

### Unuiĝintaj Nacioj

Je la 15-a horo je **ĵaŭdo**, la 29-a de julio, en salono **Zamenhof** okazos kunsido pri Unuiĝintaj Nacioj. Ĉefparolos Ambasadoro Ralph Harry, iama aŭstralia ambasadoro ĉe UN, pri "Realismo kaj idealismo en niaj rilatoj kun UN". Ankaŭ parolos Barbara Despinaey, pri la laboro de Unesko, kaj d-ro Humphrey Tonkin, pri la laboro ĉe UN en Novjorko. Prezidos d-ro Tonkin.

### Parlamenta Agado

Je la 16-a horo **vendredon**, la 30-an de julio, en salono **Chomette** okazos kunsido pri Parlamenta Agado. Ĝia temo estos "Du vojoj al parlamenta agado: Britio kaj Hungario". Parolos s-ro Grahame Leon-Smith (Britio) kaj s-ro Endre Barát (ano de la hungara parlamento). Prezidos d-ro Tonkin. Ĉefa celo de la kunsido estos montri kiel efike organiziĝi por prezenti Esperanton en parlamentaj medioj.

### Akcepto por FRG-anoj

La akcepto por ĉiuj kongresanoj el FR Germanio fare de la Ĝenerala Konsulejo en Antverpeno je vendredo de la 11h30 ĝis la 12h30 okazos en la "Osterijkhuis", Meir 85, 1-a etaĝo.

### por Komitatanoj:

**Mardon je la 13-a horo** okazos dua kunsido de la dumkongresa komisiono pri la **Monda Komunika Jaro**. Loko anoncota en la kongresejo.

La kunsido pri **esploro kaj dokumentado** (mardo, 9a horo, Privat) daŭrigos la tagordon de sabato, la 24-a de julio kaj estas precipe por komitatanoj.

## EKSKURSOJ

### Rapide mendu!

Hodiaŭ tagmeze la giĉeto por ekskursoj ĉesos vendi biletojn por ekskursoj. Sola escepto estas biletoj por la piedpromenoj, kiuj estos vendataj ĝis elĉerpiĝo. Sed ankaŭ por tiu ekskurso rapidu! Ne plu restas multe da lokoj!

### Legu la afiŝojn!

Morgaŭ preskaŭ ĉiuj el vi malaperos al iuj ekskursoj. Por ke vi ne maltrafu vian buson, trajnon aŭ grupon, zorge informiĝu pri la forir-tempo kaj -loko de via ekskurso. Por ne tro ŝarĝi la ekskurso-giĉeton bv. unue legi la afiŝojn antaŭ tiu giĉeto. Eble via demando tie jam trovas respondon.

### Promenu tra la kongresurbo!

Sperta gvidanto kondukos vin al lokoj en Antverpeno, kien vi sen lia helpo neniam irus. La prezo estas 40 bfr. Anoncu vin ĉe la giĉeto "Ekskursoj". Datoj: marde, ĵaŭde kaj vendrede de la 10h00 ĝis proks. la 11h30.

### Vizitu bestojn!

Por tiuj kiuj ne ekskursas je merkredo, jen speciala oferto: Okazos gvido tra la zoologia ĝardeno je la antaŭ- kaj je la posttagmezo. Priatentu afiŝon por ekscii detalojn!

## STANDOJ

**Ĉu vi jam vizitis la diversajn standojn en la kongresa halo? Jen kelkaj instigoj:**

### La Libroservo

La Libroservo ĉiu-tage estas malfermita de la 10-a ĝis la 13-a horo kaj posttagmeze de la 14h30 ĝis la 19-a horo. Ĝi troviĝas en salono **Van Ost**, en la sama etaĝo kiel la kongresa halo. Tie vi ankaŭ povas aĉeti la gluafiŝeton pri la UK en Antverpeno.

### La UEA / TEJO-budo

Ekde hieraŭ ĝis la fino de la Kongreso funkcias la budo de UEA / TEJO, en kiu oni volonte akceptas viajn membriĝojn, abonojn por niaj eldonaĵoj kaj viajn donacojn.

Krome en tiu budo kuŝas varbiloj kaj afiŝoj, per kiuj vi povos varbi novajn membrojn al la Asocio. Ni atendas vin en la akceptejo kaj dankas pro via subteno!




**La oficiala belga poŝtmarko eldonita okaze de la UK.**

### La poŝtmarkoj

Dum ĉi tiu Kongreso por la unua fojo estas budo por vendi la poŝtmarkojn de UEA.

Vi povas akiri tie poŝtmarkojn, glumarkojn kaj filatelaĵojn kun la temo 'Esperanto'.

Krom tio estas haveblaj ankaŭ multaj aliaj filatelaĵoj el la tuta mondo.

La komisiito pri poŝtmarkvendado deĵoras en tiu budo dum la plej granda parto de la kongresa semajno kaj pretas doni kiun ajn informon. Pere de tiu ĉi artikolo li ankaŭ volas danki al tiuj, kiuj tiom regule sendas siajn uzitajn poŝtmarkojn al UEA por tiel aparte helpi al la Asocio. Esperéble ĉiu daŭrigas la kunlaboron!
Multan dankon, la komisiito
Fred de Geus

### Lingvistiko

Eta stando apud la filatela temas pri lingvistiko. Tie estas ekspoziciataj 12 diversaj libroj de Mouton, lingvisto. 11 libroj estas en la angla, 1 en la franca lingvoj. La deĵoranto volonte donas pli detalajn informojn al vi.

### Fotoj kaj MONATO

La fotoservo ankaŭ disponas pri stando en la kongreseja halo. Tie vi povas rigardi grandajn nigre-blankajn fotojn. Se vi hodiaŭ ankoraŭ mendos ilin, je vendredo vi jam povas preni ilin. La prezo estas 100 bfr por ĉiu foto. Krome estas haveblaj koloraj fotoj, kiuj kostas nur 40 bfr, sed ili havas nur poŝtkartan formaton. Ankaŭ ilin vi povas preni jam je vendredo, se vi nun mendas.

Cetere, ĉe tiu stando ĉiam laboras la respondeculoj de la revuo MONATO, do tie oni ankaŭ respondos viajn tiu-rilatajn demandojn.

## ANONCETOJ

• **ABONU «EL POPOLA ĈINIO».** Senpaga ekzemplero akirebla ĉe P.O. Kesto 77, Pekino, Ĉinio.

• **Kiuj** nefranclingvanoj iam ĉeestis kabaredprezenton de Raymond Schwartz en Parizo? Bv. rilati kun kongresano Lloancy.

• **San Francisco** Calif universitato invitas vin studi bazan mezan superan kurson ĉiujare en julio antaŭ la UK - en 1983. Instruos Claude Piron. Trisemajnaj kurso kaj loĝado proks. $ 500. Enketu Schulze ĉe UK aŭ 410 Darrel Hillsboro 94010 Usono.

• **La sentimulo** de J. F. Cooper. Romano por komencantoj kaj malŝatantoj de komplika literaturlingvo enhavanta entute nur 500 radikojn. Aĉetu por viaj kursanoj en la libroservo.

• **Ligo de samseksemaj geesperantistoj** invitas *ĉiun* kongresanon ĉeesti la informkunvenon okazontan ĵaŭdon 09.00-10.30 en salono Chomette.

• **Eskapu al pli malferma turismo!** Aĉetu la kajeron 1982 de Pasporta Servo en la kongresa libroservo, kaj vojaĝu libere tra la mondo.

• **Marinko ĜIVOJE** «Esperantonimoj» estas utila verko por pli profunde koni Esperanton. Eld. Edistudio, Pisa. Disponebla ĉe la kongresa libroservo.

## TIO KAJ JENO

### Poŝta stampo

La poŝto ne nur eldonis specialan poŝtmarkon okaze de la UK, ĝi ankaŭ donos al viaj korespondaĵoj specialan stampon, se vi metas ilin en la ruĝan poŝtkeston, kiu troviĝas en la kongreseja halo. La **poŝta giĉeto** estos malfermita ĉiutage inter la 10-a kaj 13-a, kaj posttagmeze inter la 14-a kaj 17-a horo. **LKK atentigas, ke ĝi neniel respondecas pri la giĉetoj de la poŝto kaj de la fervojo**. Tiuj giĉetoj estas prizorgataj de la koncernaj instancoj mem.

### Gazetara eĥo

Ĉu vi jam informiĝis pri la bona eĥo en la gazetaro pri tiu nia UK? Se ne, tuj rigardu tra la kongreseja halo kaj vi trovos ĉe granda tabulo la multajn aperintajn artikolojn.

### Ne ŝtelu paperon!

Ŝajne iuj kongresanoj sub la moto «Vivu la verda ŝtel'» pliriĉigis sin en la kongresaj necesejoj. Kiel mencias afiŝoj en tiuj ejoj, dum nur unu tago la tuta stoko da neceseja papero estis for. Sed feliĉe la LKK bone improvizas kaj reŝarĝis la necesejojn. Esperéble nun sufiĉos ĝis la fermo.

### Lastaj aliĝoj

La adresojn de la dumkongresaj aliĝintoj vi trovos en la venonta numero de la Kongresa Kuriero.

## MALLONGE

PASINTAN SEMAJNON la belga franclingva radiostacio RTB elsendis 30-minutan diskuton pri Esperanto inter Claude Piron kaj la prezidanto de la belga sekcio de internacia poliglota asocio.

VENDIĜIS jam 5 000 ekzempleroj de la Esperanta bildvortaro eldonita antaŭ kelkaj jaroj en Britio.

EK DE HIERAŬ, de la 11a ĝis la 13a kaj de la 14a ĝis la 17a horoj en la kongreseja poŝtoficejo estas utiligata speciala stampo kun Esperanto-teksto.

EN LA ESPERANTO-DOMO "La Verda Stelo", okazis hieraŭ la 9a Ĝenerala Konferenco de la Mondpaca Esperantista Movado. Prezidanto rekonfirmiĝis d-ro I. Pethes (Hungario); ĝenerala sekretario — W. Gilbert (Francio).

### La lastaj papoj kaj la paco

70 personoj el 13 landoj partoprenis en Lille (Francio) la kongreson de Internacia Katolika Unuiĝo Esperantista, kies temo estis la paco. Unu el la raportoj koncernis la sintenon al la paco de la lastaj papoj. La kongreson partoprenis ankaŭ esperantista pastorino. La loka radio-stacio intervjuis la prezidanton de UEA: artikoloj aperis en pluraj regionaj ĵurnaloj. Okazis, fine, unuhora interparolo kun la episkopo.

## BELETRA ANGULO

### Flora amkanto

*La ekskursantoj al Bruĝo certe haltos iom antaŭ la statuo de Guido Gezelle; la plej grava flandra poeto, pastro-poeto, kies plej famaj poemoj estis majstre tradukitaj de Tyneverum. Esperéble la gvidanto uzos la okazon por reciti por vi almenaŭ parton el iu aŭ alia poemo. Ofte la poemoj havas religian fonon sed iuj elspiras aliajn sentojn. La poemo kiun ni deziras citi al niaj legantoj nepre estas ampoemo. La poeto verkis ĝin kiam li, en breviero, retrovis sekigitan rozon, kiun iam iu lernanto oferis al li. La rimo, kiu tre fidele sekvas la originalan rimskemon, povas ŝajni tre monotona, tre povra, sed ĝuste la martelado sur la persona pronomo skizas la plenigon de la cerbo per la bildo de la amato. Kaj ĉu ne veras, ke horo ĉe amat(in)o ne longe restas horo?*

*Guido Gezelle (1830-1899)*

### Ĉi horo kaj ĉi rozo

Jam re kaj ree mi ĉe vi
pasigis horon ĝue,
kaj pri ne unu hor' kun vi
nun pensas mi enue.
Jam floron re kaj re por vi,
kolekte mi deŝiris,
mielon mi, kun vi, kun vi,
abele el ĝi tiris,
sed ne pli kara hor' kun vi,
dum ĝi por mi nur daŭris,
sed ne pli trista hor' pro vi,
kiam mi adiaŭis,
ol *tiu hor'*, kiam ĉe vi,
vespere tre proksime,
mi aŭdis vin kaj re al vi
parolis plej intime.
Nek plie brilis flor' de vi
serĉata kaj plukita,
ol ĝi, dum *tiu hor'* sur vi,
la flor' al mi donita!
Kvankam por mi kiel por vi,
— eterna jen doloro! —
horo ĉe mi, horo ĉe vi,
ne longe estas horo,
kvankam por mi, kvankam por vi,
plej bela, plej tenera
la rozo, *tiu roz'* de vi,
nur estis efemera,
sed ĉiam, diras mi al vi,
ĝis lasta la ripozo
memoras mi tri karajn: *vi*,
*ĉi horo* — kaj — *ĉi rozo*.

*el la flandra trad. A. Samyn*

# HEROLDO DE ESPERANTO

**Fondinto:** Teo Jung. — **Eldono, redakcio, administracio:** Heroldo de Esperanto, Ada Fighiera-Sikorska, C/ J. Ramón Jimenez 28, 6° A, Madrid 16, Hispanio. — **Poŝtkontoj:** Bruselo 000-0078887-26 — Köln 194943-504. — **Bankoj:** Banco de Bilbao, Madrid 14, cta. $USA 4509, A. Sikorska-Heroldo. *Por hispanoj:* Banco de Bilbao, ag. 29, cta. 434920006727. — *Dir. resp.:* Aldo de' Giorgi. — Abonantoj en 65 landoj. — **Baza jarabono:** 15 US$. — **Eldono por la 67ª UK - Antverpeno.** Kompostas: Bruĉjo Kasini, Thomas Bormann. — Presas: Torben Kehlet. — **Senpage distribuata al la kongresanoj.**

LA PLEJ OFTA INTERNACIA GAZETO DE LA ESPERANTO-MOVADO

N-RO 4 | 67-a UK - ANTVERPENO - KONGRESA ELDONO | 29-a JULIO 1982


# Vizito de germanaj parlamentanoj

La prezidanto de UEA, Grégoire Maertens, kune kun aliaj reprezentantoj de la movado akceptis mardon matene en la kongresejo du germanajn parlamentanojn de la Eŭropa Parlamento. La parlamentanoj vizitis la Libro-servon kaj ĉeestis publikan kunsidon de Internacia Scienca Asocio Internacia ISAE.

## Esperantologia konferenco

Kiel kutime amase kaj elstare partoprenitaj la kunvenoj de lingvistoj, kie sub gvidado de prof. Detler Blanke kaj post brilaj enkondukprelegoj de Humphrey Tonkin, François Lo Jacomo, Gaston Waringhien kaj William Auld, deko da fakuloj debatis la antaŭfiksitajn temojn.

## Aŭtoroj subskribas

Ĵaŭde matene, en la Libroservo oni povos renkonti Clelia Conterno kaj Pol Denoël. Ekde la 10a h Clelia Conterno dediĉe subskribos sian novan romanon *Unu tago post la alia*, kaj de la 12a ĝis la 13a d-ro Pol Denoël — la ĵus reeldonitan *L'Esperanto dans l'enseignement* kaj eventuale aliajn siajn verkojn.

Personoj, kiuj deziras subskribon de la verkinto de la lernolibro *Esperanto snel assimileren* povas havi ĝin ĵaŭde de la 12h30 ĝis la 13h00 kaj sabate inter la 12h00 kaj 13h00 en la Libroservo.

Vendrede de la 10a ĝis la 13a h, subskribos la aŭtoroj de Edistudio-libroj: William Auld (*La sonetoj*), Aldo de' Giorgi (*Pretertempe*), Tibor Sekelj (*Mondo de travivaĵoj*).

# Rosbach - Golden - Haase
## Premiitoj en Belartaj Konkursoj

**Hieraŭ posttagmeze oni anoncis la rezultojn de la ĉijaraj Belartaj Konkursoj de UEA.** La Prezidanto Baldur Ragnarsson, en plenŝtopita salono Hodler, komentis la partoprenon kaj legis la nomojn de la gajnintoj. Unuajn premiojn gajnis respektive: por poezio **Johan H. Rosbach**, por prozo, **Bernard Golden**; por teatraĵo, egale **Bernard Golden** kaj **Martin Haase**. Premion «Luiĝi Minnaja» por eseo iris al **Oldrich Knichal** kaj unuan premion por foto-branĉo al Bertil Danielsson.

## Komisiono pri kulturo

Post duonhora vagado tra goriloj kaj mandriloj deko da interesitoj sukcesis trovi la salonon *Schoofs* kaj partopreni la kunsidon de la Komisiono pri Kultura Agado de UEA. Oni vigle diskutis interalie la temojn de troa eŭropiĝo de Esperanto, de vigligo de la Belartaj Konkursoj, de la pliboniĝantaj perspektivoj por la esperanta teatro.

## Diservoj

Dimanĉe en katolika preĝejo S.ta Jakobo, kie troviĝas la tombo de Rubens (1577-1640) kelkcent da kongresanoj partoprenis la Meson, kiun sub la gvido de helpepiskopo el Varsovio mag-o Władisław Miziołek kuncelebris en Esperanto ses pastroj. Samtage gekongresanoj partoprenis la ekumenan esperanto-diservon en la protestanta preĝejo ĉe la str. Lge Winkel.

## Unua Premio

*Urnes estas terpinto ĉe Sognefjordo en Norvegujo, kie troviĝas t.n. fostopreĝejo, la plej malnova en la lando, konstruita en la 12a jc. Partoj de la preĝejo, i.a. la fama portalo, datiĝas de pli malnova preĝejo, kiu staris samloke; oni datis la portalon je la mezo de la 11a jc., kaj donis en la arthistorio la universalan nomon Urnes-stilo al tiu formo de lignoĉizaĵo, kie la temo estas batalo inter stiligitaj bestoj, kies korpoj interplektiĝas ornamente en forta reliefo. La preĝejo de Urnes estas en la listo de Unesko pri monumentoj konservendaj.*

Altaj montoj turas,  
pezaj, nigrebrovaj,  
post la sunsubiro.  
Ĉe la strand' senmovaj  
fukoj naĝas mute.  
Je brumeca lumo  
sidas maljunulo  
en olea fumo  
el plektita meĉo.  
Grizas liaj haroj.  
Sed li majstras brile  
sum fervoraj faroj  
memfaritajn ilojn.  
Leda antaŭtuko  
kovras la genuojn.  
Kun klinita nuko  
tranĉas li karese,  
ĉizas noblan lignon,  
tuŝas sian bildon,  
sentas ĝian dignon.  
Liaj feroj tajlas  
flate la konturojn  
de la monstra drako,  
kaj la fajnajn spurojn  
de la akraj iloj  
palpas delikate  
kalaj fingropintoj,  
dorloteme, glate.  
La leono reĝa,  
kiun ligno kaŝis,  
vive kaj majeste  
reliefe paŝis  
jam el lia breto,  
bildo pri la Bono,  
kaptas ĉe la kolo  
drakon sen mentono.  
Sed la skvama besto  
en serpenta tordo  
toksas noblan sangon  
per venena mordo.  
La eterna lukto,  
Bono kaj Barbaro,  
Dio kaj Diablo,  
pretas por altaro.  
Kaj la olda viro  
metas la ilaron  
en la etan keston.  
Finis li la faron.  
Sed la lampa meĉo  
nigre ekfumaĉas.  
Super nigra akvo  
vintra ŝtorm' ekkraĉas,  
furiozas fukoj,  
dum la maro tajdas,  
super mornaj montoj  
blanka luno rajdas.

*Johan H. Rosbach*

# Mallonge el la tuta mondo...

## Politiko

**Vaŝingtono opinias nesufiĉa la alpaŝo de Arafat** — Dum la sieĝado de Bejruto pludaŭras kaj la israela aviadilaro bombardis la okcidentan parton de la urbo jam la kvinan sinsekvan tagon, Larry Speakes, oficiala informanto de la Blanka Domo, anoncis, ke la deklaro de Arafat, akceti ĉiujn rezoluciojn de la Unuiĝintaj Nacioj pri la palestina problemo, estas nesufiĉa por starigi rektan interparolon inter Usono kaj OLP. Laŭ Usono, la akcepto de la rezolucioj 242 kaj 338 devas esti farita en pli klara maniero.

**Etiopio protestas kontraŭ la Usona helpo al Somalio** — Etiopio levis tre akran proteston kontraŭ la usona decido liveri armilojn al Somalio kaj neis, unuflanke ĉian engaĝiĝon en la «somalia revolucio», aliflanke ian ajn intervenon sovetan kaj kuban.

**Partizana atako kontraŭ flughaveno en Zimbavo** — Atako kontraŭ la armea flughaveno de Thornill, dum kiu estis detruita dekduo da bombard- kaj ĉas-aviadiloj, kaj kapto de ses turistoj estas la ĵusaj agoj de la ribeluloj, kiuj ĝenas la internan sekurecon de Zimbavo.

**Uson-Sovetaj interparoloj pri Afganujo** — La Ŝtata Departemento anoncis, ke interparoloj pri ebla politika solvo de la afgana krizo okazis antaŭ nelonge inter usonanoj kaj sovetanoj.

**Alvoko de Pekino al Tajvano** — Liao Ĉenĵi, vic-prezidanto de la ĉina Parlamento, lanĉis alvokon al Ĉiang Ĉing-kŭo, prezidanto de Tajvano, proponante la malfermon de intertraktadoj cele de «paca reunuiĝo» de la du landoj.

## Sporto

**Svetana Ulmasova,** 29-jara sovetanino, starigis mond-rekordon en la 3 000-metra virina kur-sporto, plenumante en Kiev la distancon en 8'26"78/100.

**OFICIALAJ KURZOJ**
(validaj marde, por ŝanĝo)

| | |
|---|---|
| 1 usona dolaro | 45,77 |
| 1 kanada dolaro | 36,29 |
| 1 franca franko | 6,83 |
| 1 svisa franko | 22,55 |
| 1 brita pundo | 80,56 |
| 1 germana marko | 19,03 |
| 1 guldeno | 17,22 |
| 1 dana krono | 5,48 |
| 1 sveda krono | 7,63 |
| 1 norvega krono | 7,33 |
| 1 finna marko | 9,83 |
| 100 italaj liroj | 3,38 |
| 100 pesetoj | 41,76 |
| 100 eskudoj | 55,00 |
| 100 aŭstraj ŝilingoj | 269,80 |
| 100 japanaj enoj | 18,27 |

## Metereologio

**La vetero en Belgio merkredon kaj ĵaŭdon** — Ek de la merkreda vespero, oni antaŭvidas pliboniĝon de la vetero kaj kreskon de la temperaturo ĝis 21°-26°C. Tamen la noktoj restos freŝaj, 10°-15°C.

Lunde, je la 14a h, oni enregistris jenajn temperaturojn en diversaj ĉefurboj:

| | |
|---|---|
| Bruselo | 18°C |
| Alĝero | 32°C |
| Berlino | 22°C |
| Berno | 18°C |
| Budapeŝto | 19°C |
| Bukareŝto | 24°C |
| Dublino | 20°C |
| Hago | 18°C |
| Helsinko | 24°C |
| Istambulo | 28°C |
| Lisbono | 28°C |
| Londono | 19°C |
| Madrido | 32°C |
| Moskvo | 20°C |
| Oslo | 18°C |
| Parizo | 18°C |
| Prago | 16°C |
| Romo | 27°C |
| Sofio | 16°C |
| Stokholmo | 15°C |
| Varsovio | 27°C |
| Vieno | 23°C |

## Bruselo: Legendo de Manneken-Pis

En tiu tempo potenca malamiko okupis Bruselon. La okupado daŭris longe, sed la enloĝantaro de la urbo tiom kuraĝe defendis sin, ke ili devigis la malamikon ĉesi la okupadon. Sed la okupintoj, kiuj ne estis tro stultaj, eltrovis alian manieron por venki la urbon: ili fajrigus ĝin. Pro tio ili metis meĉon, kiun ili ekbruligis, esperante, ke la urbo ekbrulu.

La Bruselanoj, kiuj fakte kredis, ke la malamiko vere retiriĝis, festis intertempe kaj ne plu pensis pri iu ajn danĝero. Intertempe la meĉo ĉiam pli brulis kaj alproksimiĝis al la urbo. Sed knabeto ĝin vidis kaj komprenis la danĝeron. Ĉar li havis nenion je sia dispono por malfajrigi la meĉon, li estingis ĝin laŭ la bone konata maniero. Kiam la Bruselanoj aŭdis, de kia danĝero ili fuĝis, ili starigis por la knabeto statuon en la sama pozicio, por eternigi lian inteligentan agon en bronzo.

*(el* Vlaams Sagenboek *de K. C. Peeters, trad. Kristin Tytgat)*

## MALLONGE

VENONTJARE en Saragoso — La organizantoj de la venontjara Hispana Esperanto-Kongreso (julio 1983) eldonis koloran informlibreton, kiu estas ricevebla ĉe gesroj Hernandez (*lehg-x* kaj *urhe-c*).

ENTUTE DUDEK EKSKURSOJ — La ĉijara Kongreso ofertis al la kongresanoj entute 20 ekskursojn, kiuj okazas ĉiutage: jam vendiĝis pli ol 2000 biletoj.

POLA-FLANDRA KLUBO «Watra» invitas ĉiujn kongresanojn en sia sidejo (Hopland 55, Antverpeno); ĉiuvespere ekde la 18a h kongresano Stanisław Skorupski kantas en Esperanto kaj la pola; oni povas aŭskulti la kantiston kaj gustumi malmultekoste polajn specialaĵojn.

ESTONTAJ KONGRESOJ — La venontjara kongreso de KELI (Kristana Esperantista Ligo Internacia) okazos tuj antaŭ la UK, apud Budapeŝto. La katolikoj samjare kongresos eble en Romo. Por la posta jaro, 1984, la du asocioj, IKUE kaj KELI, kune renkontiĝos en Hamburgo.

28 INFANOJ nunmomente partoprenas en la plenŝtopita programo de la Infana Kongreseto en Keerbergen. En la fino de la semajno vi havos okazon renkonti ilin.

TEATRA PREZENTO — Merkrede kaj vendrede vespere, je la 20a h, ĉe teatro Arenberg, okazos la kongresa ĉefteatraĵo. Hungara profesia trupo prezentos «Ĉu vi jam vidis la piedsignojn de l' Profeto?». Por tiuj, kiuj ne scias kie estas la teatro, ni anoncas, ke ankaŭ la kongresejo, je la 19h 30, ekiros grupo kun akompananto.

INTERNACIA ESPERANTO-KURSEJO estis konstruita en la pitoreska Rodopi-montaro. En ĝi samtempe 200 personoj povas lerni Esperanton kaj ripozi. Dum la kongresa turisma foiro marde en salono Chomette la gvidantojn de IEK prezentis la novan subtenenenda iniciato.

# KONGRESA KURIERO

## PROGRAMŜANĜOJ

### Tago de la Lernejo

En la programo de la **Tago de la Lernejo** (ĵaŭdo) okazas la jena ŝanĝo: Posttagmeze inter la 14h25 kaj 15h00 ne prelegos Fred de Geus, sed Claude Piron prezentos modellecionon pri Esperanto por studentoj.

### 2-a Ĝenerala Kunsido

*Korekto de informo de la marda Kongresa Kuriero:* La 2-a Ĝenerala Kunsido ne okazos je ĵaŭdo, sed je **vendredo** de la 14-a ĝis la 16-a horo en salono **Zamenhof**, do laŭ la programo presita en la Kongresa Libro.

## PROGRAMALDONOJ

### Teatra fakkunsido

**Ĵaŭde** je la **17h30** en salono **Jaumotte**, tuj post la Tago de la Lernejo, okazos teatra fakkunsido. Subtemoj estos: movadaj bezonoj, teatristaj proponoj, informinterŝanĝo kaj aliaj.

### Biciklista Movado

BEMI organizos:

- **biciklan ekskurson** je vendredo. Renkontiĝu je la 9-a h antaŭ la kongresejo!
- **biciklan karavanon** al Loveno por la 38-a Internacia Junulara Kongreso. Forveturo je la 13-a h. Ni renkontiĝos antaŭ la kongresejo.

Eble eblas ankoraŭ lui biciklon por tiu veturo. Bonvolu informiĝi ĉe la informejo!

**Krome** biciklantoj sciu, ke ili ne plu rajtas parki siajn biciklojn antaŭ la kongresejo. La polico forportos ilin! Bonvolu uzi la lokon preter la strato en la mezo de la placo!

## STANDOJ

### Libroservo

La Kongresa Libroservo (en salono **Van Ost**) komunikas, ke ĝi ne nur akceptas pagojn en BF, sed ankaŭ en la valutoj FF, gld kaj DM. Eŭroĉekoj, tamen, devas esti en BF.

Ĉiu-okaze ne maltrafu tiun eblecon trankvile promeni tra tiu unika Esperanto-librovendejo, foliumi en interesaj verkoj kaj eble pliriĉigi vian propran bibliotekon!

### Belgaj fervojoj

En la kongresejo funkcias giĉeto de la belgaj fervojoj, kie deĵoras Esperanto-parolantoj. Ili volonte helpos vin, se vi havas demandojn rilate al fervojo.

## NOVAĴOJ

### 1884 el 50

En la fina statistiko pri la 67-a UK aperas la jenaj ciferoj: Entute precize 1884 personoj enskribiĝis por tiu UK. En la lastaj dek jaroj nur estis pli granda la 1978-jara UK en Varna kun 4414 partoprenintoj.

La 1884 homoj venas el 50 landoj, se oni kalkulas la Kanariojn al Hispanio (kio ne okazis en la antaŭaj statistikoj).

### Parlamenta agado

La oficiala kunveno por fondigi I.P.E.G. (Internacia Parlamenta Esperanto-Grupo) okazos en Strasburgo merkrede, la 27-an de oktobro 1982, je la 16h30.

Iniciatanto de la kunveno estas la brita Eŭropo-parlamentano Brian Key. Claude Piron (Svislando) ankaŭ ĉeestos.

Aŭdu pri la planoj kaj pretiĝu por laboro ĉe la kunveno pri parlamenta agado **vendrede je la 16-a h** en salono **Chomette**.

### 13 Ekzamenatoj

13 homoj el 8 landoj je mardo partoprenis en la skriba parto de la ekzameno de Germana Esperanto-Instituto.

La buŝa parto okazos vendrede ekde la 8-a horo en salono en hotelo Billard kaj en salono de Ketelaere. Principe tiuj buŝaj ekzamenoj estas publikaj, sed oni ne rajtas eniri la salonon, dum kandidato estas ekzamenata. Aŭskultantemuloj do bv. esti je antaŭ la 8-a horo en la koncernaj salonoj.

## LEGANTO PAROLAS

**Estimataj redaktoroj,**

mi volas gratuli vin pro la nova *Kongresa Kuriero/Heroldo*, ne nur pro ĝia aspekto, sed ankaŭ pro kelkaj novaj rubrikoj. Aparte interesaj estas la mallongaj novaĵeroj el la tuta mondo (efektive eblas pasigi semajnon en UK sen vidi ĵurnalon). Estis ankaŭ bona ideo aperigi kurzoliston, kiel vi faris en la 2-a numero.

Kial ne aldoni mallongajn neformalajn "recenzojn" pri la jam okazintaj aranĝoj por la intereso de la kongresanoj?

Kun koraj salutoj,

Anna Brennan, Italio

## TEATRO

### Multaj spektakloj!

Certe vi konstatis, ke en la ĉi-jara UK okazas eksterordinare multaj teatraj prezentoj. La speciala broŝuro *Arta programo* gvidas vin tra la spektakloj. Ĉiu kongresano rajtas al unu senkosta spektado, por kiu taŭgas la **teatra kupono.**

Se vi deziras rigardi pli da spektakloj, aĉetu laŭplaĉe pli da biletoj por po 100 BF ĉe la giĉeto «Teatraj Biletoj».

### La Krizalido

Jen denove informo pri la sudfranca teatra trupo Krizalido, kiu pretas prezenti ĉiu-lande la spektaklojn *La evento* kaj *Ĉu dio bojas?* kaj aliajn. Kontaktu la Krizalidon (UEA-kodoj *kriz-r* kaj *alid-j*) aŭ skribu al: 15 rue Clermont, F-46100 Figeac, Tf 65344835.

## HODIAŬ ESTAS JUNULARA TAGO

Kontrolu la programon sur via Kongresa Libro.







## LASTAJ ALIĜOJ

### AŬSTRIO

Nagy, S-ro Joakim, Serviliengasse 9, A-1090 Wien

### BELGIO

Boungnet, S-ino Marie-Anne, 4 Basse-Cour, B-4970 Stavelot
Budts, S-ro René, F. Rooseveltlaan 205, B-9000 Gent
Christiaensen, S-ino Lief, Risschotlei 2, B-2153 Zoersel
De Clerck, S-ro René C., Pastoor Kandenhoutstraat 13, B-2080 Kapellen
Frieda Nees, S-ino Juliana G., Houtemstr. 12, B-2600 Berchem
Heuschen, S-ro Albert, Rue du Hermée 155, B-4400 Herstal
Mortelmans, S-ro Herman W. M., Caneelsmitslei 80, B-2210 Basbeck
Norga, S-ro Daniel, Rue Tivoli 18, B-4891 Andrimont
Norga, S-ro Michel, Rue Tivoli 18, B-4891 Andrimont
Smets, S-ro Eduardo, Volkerenlaan 10, B-2610 Wilrijk
Smets-Van Meulder, S-ino Ria, Volkerenlaa 10, B-2610 Wilrijk
Stazek, S-ro Jose, 46 Boulvard des Gueieh, Spa, Belgio
Van den Daele, S-ro Jean-Pierre, Stationsstraat 1 A, B-8380 Lissewege
Van Gool, S-ro Luc, Spreeuwenstr. 9, B-2060 Merksem
Van Gorp, S-ro Jan, Varenpad 10, B-2370 Arendonk
Van Humbeeck, S-ro Roger, Pr. Jos. Charlottelaan 11, B-1810 Wemmel
Van Steenbergen, Phily, Thaliastraat 57, B-2600 Berchem

### BRAZILO

Briski-Drucker, S-ino Thereguilia de Jesus, Caixa Postal 148, R. Julia Wanderley 520, BR-80000 Curitiba
Cosme Norvial Mellodastem, S-ro Silva, Rua do Trabacho 46 F, Vila da Denha, BR-21210 Rio de Janeiro
Drucker, S-ro Gert, Caixa Postal 148, R. Julia Wanderley 520, BR-80000 Curitiba
Santiago, S-ino Izabel Cristina Oliveira, R. de Conde Bonfim, 214/307 Tijuca, BR-20520 Rio de Janeiro - RJ

### BRITIO

Halliday, S-ro John Alexander, 4 Brereton Avenue, Bebington, Wirral, Merseyside, L63 7NH, Britio
Reuben, S-ino Else, 73A Mountside Crescent, Prestwich, England, Britio
Smith, S-ino Mary Kathleen, 3 Hill Rise, Raikes Road, Skipton, North Yorkshire, Britio

### BULGARIO

Bacev, S-ro Marin, P.K. 1054, BG-1000 Sofia
Ĝuĝev, S-ro Stojan, Bulvardo Ruski 33, BG-1504 Sofia
Minko, S-ro Conkovski, str. Knjaz Boris I, n-ro 140, BG-1000 Sofia
Mladenov, S-ro Bojĉo, P.K. 66, BG-3000 Vraca
Petkova, S-ino Stefka, str. Bratja Ĵekovi N. 62 b - VII et an. 68, BG-6000 Stara Zagora
Stojanov, S-ro Serafim, Fructarba Experimenta Stacio, BG-8201 Pomorie

### ĈEĤOSLOVAKIO

Horáková, S-ino Vlasta, Gottwaldove Sady 7-51, CS-01851 Nová Dubnica
Mikušova, S-ino Eliška, Kosmonautu 190, CS-34401 Domažlice
Vančurová, S-ino Marie, Palackého 153, CS-28903 Meštec Králove

### DANLANDO

Brodersen, S-ro Jørgen, Tværgade 33, DK-5750 Ringe
Sandbeck, S-ino Aase Drewsen, Gartnergade 19 II, DK-Kobenhavn

### FINNLANDO

Pajula, S-ino Anja, Marketta, Haapakuja 17, SF-90650 Oulu 65

### FRANCIO

Dawson, S-ro Alain, 17 rue d'Amiens, F-59800 Lille
Forget, S-ino Paulette, 9, route de Villemonatle, F-93140 Bondy
Lafargue, S-ro Henri-André, 6 allée Cassard, F-44000 Nantes
Lagrange, S-ro Patrick, 48 Av de la Div Leclerc, F-95350 St Brice
Marin, S-ro Jean, 9 rue Adrien Lejeune, F-93170 Bagnolet
Marin, S-ino Louise, 9 rue Adrien Lejeune, F-93170 Bagnolet
Odon, S-ino Nadej, 65 Bd Brune, F-75014 Paris
Santamaria, S-ro Pablo, 19 rue d'Hérivaux, F-60560 Orry La Ville
Santamaria-Staszowska, S-ino Cécile, 19 tue d'Hérivaux, F-60560 Orry La Ville
Vivier, S-ro Bernard, 204 rue de Ravenne, F-54240 Joeuf

### FR GERMANIO

Bick, S-ro Eckard, Fasanenweg 11, D-5300 Bonn 1
Bussing, S-ro Gerd, Barsedowstr. 1, D-1000 Berlin 41
Kegel, S-ino Erna, Marktplatz 4, D-8304 Pfaffenberg
Kneser, S-ro Reinhard, Rheindorfer Str. 85, D-5300 Bonn 3
Schwanzer, S-ro Wolfgang, Mulanskystr. 10, ..., FR Germanio
Uebags, S-ro Heinrich Adam, Karl-Marx-Allee 172, D-5100 Aachen
Wive, S-ro Reinhardt-Nikolaus, Postfach 2804, D-4790 Paderborn

### HISPANIO

Puigdomènech-Sala, S-ino Mercè, Cl. Castell de Montbui 1, Hispanio
Solves Tarin, S-ino Elisa, C/Alcira 10-8a, Valencia-7, Hispanio

### HUNGARIO

Agocs, S-ino Gyuláné, Dimitrov ut. 87, H-1028 Budapest
Agócs, S-ino Krisztina, Farga Gy. A. park 41a, H-1149 Budapest
Bóné, S-ro József, E. Vasvóri Pól ut 6 kl 3 n, H-1062 Budapest
Csák, S-ro István, Rannóty Szinpad, H-1065 Budapest
Felsö, S-ro Géza, Május 1 Tér 63 Fszt 1, H-9400 Sopron
Fülöp, S-ro Zsigmond, Szépvögyi út 77, H-1073 Budapest
Hacsev, Józsa, Gorkij-lasov 18, H-Budapest VI
Hegedüs, S-ino Helena, Dr Hegedüs Béláné, Zsolnay V. u. 25, H-7630 Pecs
Horváth, S-ro Jozefo, Lehel ut 39/C I EM. 7, H-1135 Budapest
Horváth, S-ro Rikardo, Lehel ut 39/C I EM. 7, H-1135 Budapest
Kárpáti, S-ino Denide, Bulcsú u. 21/B, H-Budapest XIII
Klein, S-ino Edit, Déry Miksa u. 18 III 6, H-1084 Budapest
Pataki, S-ino Agnes, Rajk t. u. 24 III.3, H-1136 Budapest XIII
Pécsi, S-ino Ildikó, Abonyi 27, H-1146 Budapest XIV
Polyák, S-ino Ottoné, Nándorfehérvári-út 59, H-1119 Budapest
Romhányi, László, Kézö u. 2, H-1112 Budapest
Szabó, S-ro István, Margituget u. 1, H-Budapest III
Szabó, S-ro Kálmán, Rajk L. utca 24 III.3, H-1136 Budapest
Szilgyi, S-ino Zsuzsa, Evezö u. 6, H-1036 Budapest
Szücs, S-ro Csaba, Abonyi 27, H-1146 Budapest
Wohlmuth, S-ro István, Vécsey u. 5, H-1054 Budapest

### ITALIO

Clerici, S-ro Raneiri, Via Conte Verde 66, I-00185 Roma
Faccioli, S-ino Carla, ..., Italio
Gozzi Gorini, S-ino Paola, ..., Italio
Noseda Cecineva, S-ino Maria, v. Piave 25, I-22100 Como
Pallanca, S-ino Irene, Piazza Attias 13, I-57100 Livorno
Scalabrella, S-ino Ada, Piazza Attias 13, I-57100 Livorno
Vilisies, S-ino Elisabeta, Via Pr. S. Rufino 32, I-Chiavari

### JAPANIO

Mijamoto, S-ino Hoŝiko, Momot 3 Gokan, 102, Momoi 1-28-4, Suginami-ku, Tokyo 167, Japanio
Ueda-Masao, S-ro, Kokuryo 1-4-6, Maebasi, Japanio

### JUGOSLAVIO

Polak, S-ino Koralika, Jugoslavio
Polak, S-ro Krešmir, Opsenice 7, YU-41000 Zagreb
Živković, S-ro Ante, Jugoslavio

### KANADO

Collinge, S-ro Pierre, 1529, rue Saint-Roch Sud, Rock Forest, J0B 2J0, Québec, Kanado
Sorel, S-ro Jean, 4720 Messier, Montreal, Kanado
Tremblay, S-ino Florida, Kanado

### KOREA RESPUBLIKO

Ĵong, S-ino Hŭi-ĵa, 929-4 Bongdok-dong Taegu, Korea Resp.
Kim, S-ro Kyo-Young, 74-10 Imun-dong, Dongdemun-ku, Seoul, Korea Resp.
Kim, S-ro Yung-myung, 929-4 Bongdok-dong Taegu, Korea Resp.

### MALTO

Portelli, S-ro Francis, 67 Gormi Road, Marsa, Malto

### NEDERLANDO

Goslinga, S-ro Dick, Van Simbury Strumplein 20, NL-1051 BE Amsterdam
Libourel, S-ro Michael John David, Calslaan 52-34, NL-7522 MG Enschede
van Kortenhof, S-ro M., J. Overdijkstraat 1, NL-3551 VE Utrecht

### NORVEGIO

Handeland, S-ino Ester, Haugaleite 6, N-5500 Haugesund
Madsen, S-ino Magnhild, Litlaskar 28, N-5500 Haugesund

### POLLANDO

Baranowski, S-ro Czesław, ul. Chopina 21a/4, PL-75-576 Koszalin
Mihułka, S-ino Wanda, Krasinskiego 10-101, PL-01-615 Warszawa
Pawlikowska, S-ino Ewa Leon Stefanie, Lutomierska str. 134m15, PL-91-013 Łódż
Pawlikowska, S-ino Ewa Krystyna, Lutomierska str. 134/35, PL-91-013 Łódż
Pietryka, S-ino Janina, Słowackiego 5-13 m 66, PL-01-592 Warszawa
Skorupski, S-ro Jan Stanisław, Galerie «Sztuka Polska», Ortrudstr. 5, D-1000 Berlin, FR Germanio
Szady, S-ro Władystaw, Jozefstr. 1/8, PL-31-056 Krakow
Tyblewski, S-ro Tyburcyusz, Bartka Zwyciezcy 11/1, PL-58-500 Jelenia Gòra

### SOVETUNIO

Arakelian, S-ino Karina, Ĥanĝjan 33-4, SU-375070 Erevan, Armena SSSR
Boguŝevskij, S-ro Anatolij, pr. Kalinina 14, ASE, SU-103009 Moskva
Cibulevskij, S-ro Dimitrij, ul. Ĉajkovskogo 25 kv. 11, SU-310024 Ĥarkovo, Ukrainio
Eisen, S-ro Ferdinand, pr. Kalinina 14, ASE, SU-103009 Moskva
Grigorenko, S-ro Vasilij, pr. Kalinina 14, ASE, SU-103009 Moskva
Ĝanibikov, S-ino Karin, pr. Kalinina 14, ASE, SU-103009 Moskva
Isajev, S-ro Magomet, pr. Kalinina 14, ASE, SU-103009 Moskva
Jakobson, S-ro Maris, pr. Kalinina 14, ASE, SU-103009 Moskva
Jegorovas, S-ro Povilas, ab. k. 167, SU-233000 Kaunas-C, Litova SSR
Kocaoj, S-ro Sergej, str. Gagarina 145-11, SU-350000 Krasnodar
Koĉetkov, S-ro Aleksandr, pr. Kalinina 14, ASE, SU-103009 Moskva
Kolker, S-ro Boris, Abonkesto 1125, SU-450025 Ufa, Baŝkirio
Linnamagi, S-ro Madis, pr. Kalinina 14, ASE, SU-103009 Moskva
Maĉkalova, S-ino Susana, ul. Furmanava 38-15, SU-375000 Erevan, Armenio
Makovskij, S-ro Anatolij, pr. Kalinina 14, ASE, SU-103009 Moskva
Peterson, S-ino Inesa, pr. Kalinina 14, ASE, SU-103009 Moskva
Tuĥmanov, S-ro David, pr. Kalinina 14, ASE, SU-103009 Moskva
Tuĥmanova, S-ino Tatjana, pr. Kalinina 14, ASE, SU-103009 Moskva
Verigin, S-ro Vitalij, pr. Kalinina 14, ASE, SU-103009 Moskva
Volkov, S-ro Vjaĉeslav, pr. Kalinina 14, ASE, SU-103009 Moskva

### SVEDIO

Englund, S-ro Paul Michael, Love Almquistsv. 8, S-112 53 Stockholm
Gustaffson, S-ro Karl Urban Niklas, Hesselmansv. 63, S-752 63 Uppsala
Köhler-Hansson, S-ino Edith Ingeborg, Allén 8, S-310 71 Rydöbruk
Nordenstrom, S-ro Leif Gunnar, Studentvägen 22:19, S-752 34 Uppsala
Wennergren, S-ro Bertil, Sågargatan 18 II, S-116 36 Stockholm

### SVISLANDO

Isaak, S-ro Hans-Peter, Abendweg 22, CH-6006 Luzern

### VIETNAMIO

Kha, S-ro Dao Anh, 107 Quan Thanh, Hanoj, VPEA, Vietnamio
Khoa, S-ro Tran Dang, 107 Quan Thanh, Hanoj, VPEA, Vietnamio

### USONO

Evans, S-ro Lyle, P.O.Box 480, Blacksburg, Va., Usono
Grund, S-ro John, 1a Farrington Ave, Bay Shore, N.Y., Usono

# HEROLDO DE ESPERANTO

**Fondinto:** Teo Jung. — **Eldono, redakcio, administracio:** Heroldo de Esperanto, Ada Fighiera-Sikorska, C/ J. Ramón Jimenez 28, 6° A, Madrid 16, Hispanio. — **Poŝtkontoj:** Bruselo 000-0078887-26 — Köln 194943-504. — **Bankoj:** Banco de Bilbao, Madrid 14, cta. $USA 4509, A. Sikorska-Heroldo. *Por hispanoj:* Banco de Bilbao, ag. 29, cta. 434920006727. — *Dir. resp.:* Aldo de' Giórgi. — Abonantoj en 65 landoj. — **Baza jarabono:** 15 US$. — **Eldono por la 67° UK - Antverpeno.** Kompostas: Bruĉjo Kasini, Thomas Bormann. — Presas: Torben Kehlet. — **Senpage distribuata al la kongresanoj.**

LA PLEJ OFTA INTERNACIA GAZETO DE LA ESPERANTO-MOVADO

**N-RO 5** | **67-a UK - ANTVERPENO - KONGRESA ELDONO** | **30-a JULIO 1982**

*La individua libereco en la moderna mondo*

## La teatraĵo de Lengyel aplaŭdita

Fantazia turisma oficejo organizas ekskurson multekostan. La aliĝintoj nur en la ekskurso mem ekscias, ke la alta prezo inkluzivas nenian programon: la ĉiĉerono — kiu cetere nur *parolas*, sed ne *komprenas* ilian lingvon, lasas ilin tute solaj meze de la dezerto, kun ekzempleroj de La Sankta Biblio, La Nobla Korano, La Kapitalo kaj de la Cibernetika Ekzemplaro...

Inter la turistoj ekestas paniko. Estas amuze vidi la reagon de diversaj tipoj — filozofo, flirtema virino, cinika junulo, grumblanta edzino ktp. Post certa tempo la trompitaj turistoj komencas ĝui la vivon senkonvencian for de la socio. Ili trinkas, amindumas, babilas, kaj atendas la solan fiksan programon de la ekskurso: vidi la piedsignojn de la Profeto. Tamen, ili komencas senti ke tiu libereco de la dezerto estas nur ia surogato.

La aŭtoro de tiu ĉi teatraĵo estas Márton Lengyel, mem esperantisto kaj partoprenanto de tiu ĉi kongreso, vic-gvidanto de la Hungara Turisma Oficejo, kiu en sia profesia laboro abunde spertis la neceson de internacia lingvo en turismo. Tiujn spertojn — kiuj estas bone konataj al esperantistoj — li priskribis en tiu ĉi teatraĵo, kiu ŝajnas havi idealan temon por la spektantaro en UK.

La prezento, en kiu ludas elstaraj hungaraj profesiaj geaktoroj, ripetiĝos en la sama teatro vendrede vespere.

### Partoprenis en 1928

Responde al la alvoko de LKK, jenaj personoj anoncis, ke ili partoprenis la 22an UK en Antverpeno en 1928:

* Gaston Waringhien, Francio
* R. De Kegel, Belgio
* J. Guillaume, Francio
* Annie Enzlin, Belgio
* Karl Fischer, FR Germanio
* H. Boffejon, Svislando
* Hugo Röllinger, FR Germanio
* Luis de O'taola Faon, Hispanio
* J. R. Lostrie, Belgio
* H. Nischwitz, FR Germanio
* A. C. Fohren
* Elza Champij, Belgio, **1911** kaj **1928**
* Alice L. Maier-Bevel, Kanado (Belgino), **1911** kaj **1928**
* Bernard (patro), Belgio, **1911**

### BLINDULOJ

Partoprenontoj en la 50a Internacia Kongreso de Blindaj Esperantistoj povos aliĝi al la grupa vojaĝo al Breda: kolektiĝo por la trajno de 13h 18 sur la naŭa kajo. Fruuloj povos veturi jam je la 12h 53 de la dua kajo.

Akompanos la grupojn nederlandaj fervojistoj ges-roj Van Leeuven. Bv. mem zorgi pri via trajnbileto. Necesas ŝanĝi vagonon en Roosendaal (landlimo).

### ESPERANTO POR KIBERNETISTOJ

Dum la ekskursa tago estraranoj de Eŭropa Klubo pritraktis kun la prezidanto de Internacia Kibernetika Asocio, prof. d-ro Boulanger, la efikigon de la Internacia Lingvo dum la X[a] Internacia Kongreso de Kibernetiko 1983 08 22-27 en Namur (Namen), Belgio. Estos sinsekvaj simpoziojen kiuj la plejmulto de la prelegoj okazos internacilingve.

François Simonnet (F) ekorganizis konstantan grupon da buŝaj tradukontoj, kiuj jam laboros dum la simpozioj de la ĉijara Paderborna Novembra Renkontiĝo (1982 11 10-15) kaj dum Interkomputo 82 en Budapeŝto (1982 12 27-1983 01 02). Interesitoj, prelegontoj kaj tradukontoj kontaktiĝu kun F. Simonnet

## Mallonge el la tuta mondo...

### Politiko

**La konscienc-riproĉoj de kolonelo Geva** — La kazo de kolonelo Geva riskas fariĝi ŝtatafero. Filo de generalo, tankspecialisto, ĉefo de kirasita brigado, en plena libana milito li rezignis je sia posteno pro konscienc-riproĉoj: li opinias, ke sturmo de Bejruto ne estas pravigebla.

**Kiom kostas la libana milito** — La israela financ-ministro Yoram Aridor taksas, ke la ses unuaj semajnoj de la libana milito kostis 1,2 miliardojn da dolaroj, nome 10 % de la nacia buĝeto.

**La 400 000 enloĝantoj ne forlasos Bejruton** — Dum la unuaj semajnoj de la sieĝo de Bejruto la finance bonstataj libananoj forkuris al la orienta parto de la urbo aŭ al la sudo: la eksterlandanoj estis evakuitaj. La nun restantaj 400 mil enloĝantoj ne forlasos la urbon, eĉ se la bombardoj daŭros kaj okazos israela sturm-atako. Inter ili troviĝas 200 mil rifuĝintoj palestinaj, kiuj vivas en keloj, kaj pluekzistas dank' al la almoza helpo de internaciaj organizaĵoj.

**Tokio plifortigas sian militan povon** — La japana registaro decidis pligrandigi la defendbuĝeton 1983/1987: la defendelspezoj atingos 1 % de la malneta nacia produktado kaj koncernos ĉefe la aer- kaj mardefendon kaj la aĉeton de materialo. La japana armeo fariĝos la sesa plej grava en la mondo.

**4 argentinaj generaloj eksigitaj** — 4 superaj stab-generaloj, kiuj havis respondecajn funkciojn dum la Malvina milito, estis eksigita en Bonaero. Armea komuniko substrekas, ke ne temas pri puno, ĉar ilia agado estos juĝata de enketkomisiono.

**Franca nuklea provo** — Laŭ la novzelanda sismologia centro de Rarotonga, pasintan dimanĉon Francio eksplodigis provatombombon sur la atolo Mururoa.

**Alproksimiĝo de la Panĉen-lamao al Ĉinio** — La supera religia tibeta reprezentanto, la Panĉen-lamao, rifuĝinta en Hindio, estis rajtigita de Ĉinio viziti Tibeton, la unuan fojon depost 1964. Ekde 1979 la tibeta lingvo, antaŭe malpermesata, estas denove instruata en la lernejoj: la ĉinoj agnoskis siajn erarojn kaj troigojn en la kampo de la kolektivigo: ili asignis al Tibeto gravan ekonomian helpon.

**Stagnas la irana/iraka milito** — La ĵusaj bataloj inter Irano kaj Irako rezultigis stabilecon de la fronto ĉe Bassorah. La nova taktiko de Irano asignas pli grandan rolon al la tankoj anstataŭ ol ondoj de infanterio.

### Ekonomio

**Kreskas la flugtarifoj** — La ĵus finiĝinta IATA-konferenco en Ĝenevo decidis plialtigi la flugtarifojn inter 2% kaj 7% ekde la 1-a de oktobro. La flugtarifoj super la norda Atlantiko kaj al Japanio ne ŝanĝiĝos. La aliaj tarifoj al ekstremoriento kreskos je 5% kaj tiuj al Afriko je 2 %.

**La senlaboreco ĉe la Dek** — Laŭ statistikoj de la Eŭropa Ekonomia Komunumo fine de junio troviĝis en la 10 landoj-membroj 10,3 milionoj da senlaboruloj, nome 9,3 % de la aktiva loĝantaro. La evoluo de la senlaboreco en junio estis: malkresko en Danlando kaj Francio, stabileco en Belgio kaj FR Germanio, kresko en Luksemburgo, Italio, Irlando, Britio kaj Nederlando.

**Germana komerca pluso**

En junio Federacia Respubliko Germanio registris komercan pluson de 4,8 miliardoj da markoj. Dum la unua duonjaro, la komerca pluso atingis 24,3 miliardojn da markoj.

### Industrio

**400 milionoj da enmaraj hektaroj ekspluatataj**

La sekretario por internaj aferoj de Usono, James G. Watt, anoncis, ke dum la venontaj kvin jaroj 407 enmaraj hektaroj estos ekspluatataj por petrol- kaj gasesplorado kaj produktado.

**Faraonaj planoj en Brazilo**

Gigantismo ŝajnas karakterizi la brazilajn industri-projektojn. Inter la 400 ĉefaj projektoj, troviĝas tiu pri la konstruado de la akvobaro ĉe Itaipu, kiu kostos 11 miliardojn da dolaroj, nome same multe kiel la gasodukto kiu kunligos Siberion al Eŭropo.

### Modo

**Saint Laurent revivigas la frivolecojn de 1940**

La novaj vintro-modeloj de Saint Laurent revivigas la frenezecon kaj flirtemon de la 40-aj jaroj mildigitajn de fajna humursento: brilaj flavoj, fragkoloroj, sangaj ruĝoj, violkoloroj kaj nigraj violoj. La mallarĝa talio estas la ĉefa karakterizo de lia nova modo. La vesperaj roboj estas mallongaj, la gantoj longegaj.

### Sporto

**Mortis la skermisto Smirnov**

La soveta mondĉampiono Vladimir Smirnov, kiu akcidente ricevis gravan rapirvundon ĉe la kapo pasintan semajnon dum la Monda Skerm-Konkuro, mortis en Roma hospitalo. Li kuŝis senkonscie en komao ekde la akcidento kaj estis neoperaciebla.

### Hidrologio

**Malabundas akvo ĉe la belga marbordo** — La liverado de trinkakvo kaŭzas problemojn ĉe kelkaj belgaj marbordaj regionoj. La aŭtoritatoj konsilas ne akvumi la ĝardenojn kaj ne lavi la aŭtomobilojn, la trotuarojn kaj la domfasadojn.

### Meteorologio

**La vetero, hodiaŭ**

La zono de altaj premoj transiris al Danlando kaj sendas nun al Belgio pli sekajn kaj pli varmajn vento-blovojn. Ŝtorma zono formiĝas super Hispanio kaj Portugalio, kaj supreniros al Bretonio kaj Normandio; ĝi atingos Belgion sabate matene, sed havos malfortan influon.

Sud-orienta vento. Bela vetero: temperaturo inter 25° kaj 30°.

## NI RECENZAS

### Arto el tragedio

**Aldo de' Giorgi: Pretertempe,** Versaĵoj, kun rimportreto de Reto Rossetti, enkonduko de Marjorie Boulton kaj ilustraĵoj de Jean E. Bomford. Edistudio, Pisa, 1982. 63 p., 21,5 × 31 cm., il., bindita, 18 gld.

La poemoj de Aldo de' Giorgi grandparte naskiĝis el persona tragedio, el amo perdita. Ili do estas komplete subjektivaj. Sed arto objektiva tutsimple ne ekzistas: komitatoj ne kreas poezion. Kion ni ricevas, tio ne estas pledo de advokatoj aŭ decido de juĝistoj; ĝi ja estas la nuda vero laŭ vidpunkto de poeto, kies vivon skuegis la perdo de amata edzino. Finanalize, ĉiu tragiko estas individua; ĉiu suferas finfine en izolo. La kriego de la koro suferanta eĥas kaj spegulas tiun izolon, kiam la vundito malespere serĉas komprenon kaj konsolon kaj ĝin ne trovas. La talento de De' Giorgi egalas al la tasko al li trudita de la vivospertoj: sentigi sin al la kunhomoj.

Nia reago al poezio dependas parte de nia identiĝo kun ĝi aŭ de nia kapablo identigi nin kun la poeto, kaj parte, kompreneble, de la lingvaĵo, tropoj kaj vortmuziko de la poemo. Al tragedio nian reagon vekas jen kompato, jen timo. Pro tiu reago ni eble konscias, ke nek ni nek la poeto estas tamen tiel izolaj, malgraŭ la timtremeto, kiu trakuras nin, kiam ni legas:

*Mi amas vin, soleco,*
*kaj,*
*penta kaj dankema,*
*min allasas sen rezisto*
*al via frosta brakumo.* (p.55)

Kvankam la lingvaĵo de De' Giorgi (verŝajne ankaŭ pro influo de Mihalski) estas ofte dense elvringa, li ja ankaŭ oftofte kapablas senornamajn versojn, kiuj trafas pro la rekta simplo de sia koncepto:

*Al rusta vestpendigilo*
*mi estis konfidinta la ĉifonojn*
*de miaj esperoj...* (p.20)

La poemaro estas elektaĵo el multe pli abunda kolekto verkita de De' Giorgi. Kvankam la ĉeftemo trafadenanta la selektaĵon estas la menciita tragedio, tamen la poeto enplektis ankaŭ plurajn alitemajn, malpli obsedajn, verkojn. Lia gamo estas efektive larĝa, liaj tonoj diversaj.

Oni gratulas la klarvidan kuraĝon de la eldoninto, kiu presigis tiun ĉi gravan volumon belege, konforme al la valoro de la enhavo. Al la granda formato kaj bele grandaj presliteroj aldoniĝas multaj tutpaĝaj ilustraĵoj (aŭ dekoracioj, se vi preferas) fare de la brila angla artistino Jean Bomford, kiuj kvazaŭ ĝemele konformiĝas kun la poezia teksto. Maloftaj estas tiel belegaj volumoj sur niaj bretoj, kaj ĝi estas de ĉiuj literatur- kaj artamantoj posedinda.

**William Auld**



FLANDRA KUIRARTO

### Cikorio (blanka endivio)

Meze de la pasinta jarcento ia Bréziers, ĉefĝardenisto de la Horta Societo de Bruselo, havis la ideon kultivi cikorion en la grotoj, kie oni kultivas ĉampinjonojn. La faskoj, ligitaj kaj devigataj kreski en mallumo kaj sablokovritaj, akiris la formon de strobiloj, kun blankaj kaj delikataj folioj. Nur dudekok jarojn poste, kiam la nova planto kreskis jam regule, kaj la folioj restis proksimaj, en strobila formo ankaŭ sen ligado, la Haloj de Parizo ekvendis ĝin, baptante ĝin belga cikorio (aŭ belga endivio), kvankam ĝi estas sufiĉe malsama de la vera endivio.

### Cikorio en forno kun ŝinko

**Por kvar personoj:** *8 strobiloj da cikorio (ĉ. 500 g); 8 tranĉoj de kuirita ŝinko; 1/4 litro da beŝamela saŭco; 40 g da butero; 40 g da erigita parmesano; 2 ovoflavoj; duona citrono; pinĉo da spicnuksa pulvoro; salo; butero por buterumi la kaserolon.*

**Preparo:** purigu la strobilojn, forprenante la velkintajn foliojn, lavu en abunda kuranta akvo kaj metu ilin en kaserolon; ĝiskovru ilin per bolanta akvo iom salita, aldonu duonan citronon kaj ekboligu; lasu kuiri je forta flamo, surmetinte kovrilon, dum kvaronhoro. Forlikigu la akvon kaj lasu malvarmiĝi la cikorion sen premi ĝin. Aldonu al la beŝamela saŭco du ovoflavojn, kuleron da erigita parmesano kaj la spicnuksan pulvoron, miksante tre bone por igi la tuton kremeca. Volvu la cikoristrobilojn en la ŝinktranĉojn; buterumu la kaserolon kaj lokigu la cikorion, surverŝu la saŭcon, surŝutu per la muelita parmesano kiu restis kaj per floketoj da butero. Metu en la fornon por flavigi la supron, ĝis kiam ne formiĝos ora krusteto.

**Noto:** klopodu havi cikoristrobilojn proksimume samgrandajn, por havi homogenan kuiradon. La ŝinko devos esti sufiĉe malgrasa, por eviti fandiĝanta grasaĵo kiu likante malbeligu la aspekton de la preparo.

*La receptoj por Heroldo-Kongresa Eldono estis elektitaj de Kristin Tytgat kaj tradukitaj de Bruĉjo Kasini.*

## MALLONGE

FONTO, literatura revuo kun aŭtoroj el la tuta mondo. Aperas ĉiumonate jam de preskaŭ du jaroj. Jarabono 15 US$ aŭ egalvaloro (G. A. Bays, CP 49, BR-89800 Chapecó, SC, Brazilo.

REAPERIS KATALUNA ESPERANTISTO. Post 46 jaroj reaperis denove la revuo Kataluna Esperantisto (8 p.) kun ...daŭriga numero 234. Akompanas ĝin Suplemento pri la 19aj kaj 20aj Internaciaj Florаj Ludoj (44 p.)

TEATRA PREZENTO. Vendrede vespere ĉe teatro Arenberg okazos por la dua fojo la Kongresa ĉefteatraĵo. Hungara profesia trupo prezentos *Ĉu vi jam vidis la piedsignojn de l' Profeto?* Je la 19h 30 de antaŭ la Kongresejo ekiros grupo kun akompananto.

NOVA KOLORILUSTRITA LERNOLIBRO. Post la sukceso de la *Praktika Bildvortaro de Esperanto* oni planas eldonon de luksa internacia lernolibro de Esperanto. Instruistoj kaj libroservoj interesiĝantaj pri la projekto, povos renkonti la iniciatinton vendrede, de la 10a ĝis la 12a h ĉe la budo de Esperanto-Centro Paderborn, en la kongresejo.

INTERKOMPUTO 82. La jaron 1983 UN proklamis *Komunika Jaro*. Solena malfermo en tiu-ĉi jaro estas la Internacia Komputscienca Simpozio 'Interkomputo 82', okazonta en Budapeŝto (82 12 27-83 01 02). Jam anoncis sin pli ol 60 prelegantoj. Petu informojn ĉe la UK de d-ro H. Frank, H. Behrmann aŭ A. Lukács.

KANTEMULOJ! La Internacia Esperanta Ĥoro bone progresas. Ĝis nun 47 membroj el 15 nacioj ekzercadas plurfoje ĉiutage. En la repertuaro estas 5 kantoj, ĉiuj en Esperanto.

# KONGRESA KURIERO

## PROGRAMALDONOJ

### KER de TEJO

La Komisiono pri Eksteraj Rilatoj (KER) de Tutmonda Esperantista Junulara Organizo (TEJO) kunsidos hodiaŭ matene de la **9-a ĝis la 11-a horo** en salono **Chomette**. Ĉiuj kunlaborantoj estas petataj veni al tiu kunsido.

### Filmo pri Hungario

Hodiaŭ posttagmeze je la **14-a** kaj je la **15-a** horo estas prezentata filmo pri la venontjara kongreslando Hungario. La filmo daŭras duonan horon. Vi povos spekti ĝin en salono **van Schoor**.

### La Ruza Kruĉo

La Ruza Kruĉo, la fama kaj furora kabaredo el Parizo, prezentos sian mirindan kaj grandiozan spektaklon en salono **Arenberg** hodiaŭ je la **14-a** horo.

La programo estos la sama (aŭ preskaŭ) kiel tiu antaŭvidita por la balo, sed ĉi-foje sen bruo, sen maltaŭgaj mikrofonoj, sen eĥo, sen, sen ... sed kun la partopreno de Anna Lazarus, Ĵak Le Puil, Armela Le Quint, Laŭrenco Septjè, Serĝjo Sire, kaj sen la partopreno de Georgo Lagranĵ, kiu jam devis reiri al Parizo.

En la programo estas sciencaj eksperimentoj, japanaj specialaĵoj kaj kajtielpluaĵoj.

Jen! Ĉiuj en **Arenberg** vendredon je la **14-a**.

### Vizitu infanojn!

La hodiaŭa vendredo estas la **vizitotago en la Infana Kongreseto**. Ĉiuj UK-anoj estas bonvenaj. Je la **15-a** horo eĉ okazos prezentado de la infanoj.

Vizitantoj, kiuj volas manĝi kun la infanoj en la kongreseto, devas anonci tion plej eble frue ĉe la giĉeto **informoj**.

### Vizitos infanoj

Dum la **fermo** de tiu ĉi UK la Infana Kongreseto prezentos sin al la kongresanoj.

### Muziko dum la fermo

Pro nuligo de serio de koncertoj en Sudameriko la fame konata belga pianisto Geert DEHOUX povas distri la kongreson dum la muzika paŭzo de la fermo. Li ludos sian propran aranĝon de **muzikaĵo de LISZT**.

En la fino de la fermo la Internacia Ĥoro sub la gvido de s-ro TERZIEV kantos la **himnon**. Ilin akompanos ĉe la piano Kristiaan VAN INGELGEM.

## PROGRAMMALALDONO

Pro samtempa okazo de la publika kunsido de la Akademio de Esperanto (16 - 18-a horo en salono van Schoor), la **kunsido de CED** estas **nuligita**.

## STANDOJ

### 68-a UK en Budapeŝto

La LKK de la venontjara UK estas je via dispono ĉe sia stando en la kongresa halo.

La venontjara kongreso, kies temo pritraktos Esperanton kaj komunikadan teknologion, okazos inter la 30-a de julio kaj la 6-a de aŭgusto 1983 en la hungara ĉefurbo Budapeŝt, kiu eble estas la urbo kun la plej multaj Esperanto-parolantoj en la tuta mondo.

La IJK (Internacia Junulara Kongreso) okazos dum la semajno antaŭ la UK (23 - 30 jui 1982) en la orienthungara urbo Debrecen.

Ĉe la stando vi povas ricevi informojn pri tiuj kongresoj, preni la Unuan Oficialan Bultenon pri la UK kaj jam aliĝi al la venontjara UK, kiu certe denove havos milojn da partoprenantoj.

### Fotoservo

La fotoservo tre bone funkciis en tiu ĉi UK. Oni ĉiam post nur unu/du tagoj ricevis la menditajn fotojn kaj la prezo fakte ne estis tiom altega kiel en antaŭaj jaroj. Sed jen kelkaj gravaj sciigoj por tiuj, kiuj eble mendis fotojn:

Se vi mendis viajn fotojn antaŭ ĵaŭdo, vi povas tuj iri al la giĉeto **fotoj** kaj preni ilin.

Se vi mendis viajn fotojn je ĵaŭdo, tiam bonvolu preni ilin je sabato. Je sabato ĉiuj menditaj fotoj devas esti prenataj de la mendintoj! Do ne forgesu iri al la fotoservo!

Hodiaŭ ne plu eblas mendi!

Se vi eble forgesis mendi kelkajn fotojn, tamen estas ankoraŭ bona ŝanco por vi ricevi ilin: **Je sabato la fotoservo rekte vendos ĉiujn siajn fotojn.**

Cetere, mendintoj de fotoj nepre ne forgesu preni ilin.

### Poŝto fermiĝos

Hodiaŭ estas la lasta tago dum kiu funkcias la speciala poŝtoficejo en la kongresejo. Ĝi ĉiam estis tre bone vizitata. Amaso da 12-frankaj "Esperanto"-poŝtmarkoj vendiĝis kaj kelkajn mil fojojn la kompatinda poŝtisto permane premis la specialan stampon sur viajn salutkartojn.

Se vi ne jam akiris sufiĉan stokon da poŝtmarkoj kaj stampoj, pensu pri tio ke hodiaŭ estas la lasta malferma tago de la speciala kongreseja poŝtoficejo. Ĝi estos malfermita de la 10-a ĝis la 13-a kaj de la 14-a ĝis la 17-a horo.

### Junularo

La junularo de la Esperanto-movado estas sufiĉe bone reprezentata ĉe la stando de UEA/TEJO. Vi povas informiĝi tie pri la aktivecoj de tiuj mondaj organizaĵoj kaj eĉ membriĝi en ili. Specialaj flugfolioj eldonitaj por tiu kongreso estas je via dispono. Kaj la junuloj ankaŭ volonte informas pri la 38-a Internacia Junulara Kongreso, kiu okazos ekde morgaŭ vespere en Leuven (Loveno), 47 kilometrojn sude de ĉi tie. Tie dum unu semajno proksimume 300 junuloj komune loĝos kaj kongresos. Kelkaj foriros tien morgaŭ per biciklo. Renkontiĝo: 13-a horo antaŭ la kongresejo.

## NOVAĴOJ

### Esperanto-turismo

Oranĝkolora broŝuro disdonita en la kongresejo informas pri diversaj eblecoj de Esperanto-turismo. Tre bona eldonaĵo de tiu instanco estas la **Turisma Esperanto-Kalendaro**. Por ke la eldono de la jaro 1983 estu laŭeble kompleta, necesas ke vi ĝis plej malfrue la 1-a de oktobro 1982 sendu detalojn al jena adreso:

Eŭropa Esperanto-Centro
Turisma Servo
Montoyerstraat 37/24
B-1040 Bruselo

### Seminario por mezaĝuloj

Kiu ĉeestis la kunvenojn pri la kongresa temo *generaciaj aspektoj de la Esperanto-movado* ofte aŭdis plendojn, ke la movado tro malmulte atentas pri la **mezaĝa generacio**, do homoj inter 26 kaj 50 jarojn aĝaj, pli malpli. Kaj ŝajne la plendoj estas pravaj.

Certe do estas bona novaĵo por la mezaĝuloj, ke de la 27-a de decembro 1982 ĝis la 3-a de januaro 1983 okazos la **Internacia Seminario**, kiu depost 3 jaroj ne nur estas malferma al junuloj, sed ankaŭ al mezaĝuloj kaj junaj familioj. La seminario, kiu okazos en **Oberwesel / FR Germanio**, pritraktos la temon *La tradicia familio en la krizo*.

Pliajn detalojn vi povas ricevi de:

Ursula Felhölter
Töpferstr. 20
D-4500 Osnabrück

### Statistikoj serĉataj

Pri la temo *Valoro de Esperanto kiel enkonduko al la lernado de fremdaj lingvoj* doktoriĝos s-ro Roger YAFIL, 15 rue de la Paroisse, F-78400 Chatou. Tiucele li serĉas esplorojn kaj statistikojn pri tiu grava temo.

### LSG kontaktis eksteren

LSG (Ligo de Samseksamaj Geesperantistoj) okazigis sian kunvenon en la klubejo de la Antverpena gejgrupo *G.O.C.*, kiu ne nur senpage disponigis kunvenejon sed ankaŭ regalis la oknacian partoprenantaron per kafo. Rekompense la lokuloj ricevis informon pri Esperanto kaj impreson pri ĝia praktika valoro.

### Arta ekspozicio

Je aŭtuno okazos en Berlino internacia arta ekspozicio pri pentraĵoj, grafikaĵoj, skulptaĵoj ktp. Profesiaj artistoj (eĉ neesperantistaj) estas volonte akceptataj. Detalojn donas dum la Kongreso Jan Stanisław Skorupski. Vi ankaŭ povas skribi al li ĉe: Galerie Sztuka Polska, Ortrudstr. 5, D-1000 Berlin.

## ATENTIGO

Pri la enhavo de materialo en la sekcio *Heroldo de Esperanto* de tiu ĉi eldonaĵo respondecas nur ties redakcio aŭ la subskribintaj aŭtoroj; pri la enhavo de materialo en la prikongresa sekcio respondecas LKK.

Ĉi tio validas por ĉiuj jam aperintaj numeroj.

## ANTAŬ OL FORVOJAĜI

Antaŭ ol vi post la lasta strofo de la himno dum la fermo de la kongreso ĉiuj iros al viaj aviadiloj, trajnoj, aŭtoj, bicikloj, bonvolu kontroli, ĉu ne restis iuj objektoj de aŭ por vi en la kongresejo. Tiu-cele bonvolu rigardi

- **la rendevuan tabulon** kaj kontrolu ĉu tie troviĝas mesaĝo por vi
- ĉe la giĉeto **perditaj/trovitaj objektoj**, se vi perdis ion en la kongresejo
- ĉe la giĉeto **fotoservo**, se vi mendis fotojn
- kaj se vi havas ankoraŭ iom da belga mono, vizitu la **libroservon** por pliriĉigi vian bibliotekon.

■

### Se vi deziras aboni

**Se la kongresaj numeroj plaĉis al vi, abonu «Heroldo»n por 1983, ĉe la Libroservo de la UK aŭ ĉe via landa libroservo.**

**Novaj abonantoj ricevos senpage la gazeton ek de la momento de la abono ĝis la fino de la kuranta jaro.**

**«Heroldo de Esperanto» aperadas ek de 1920: ĝi kutime ampleksas 4 paĝojn; la duoblaj numeroj (kiel la septembra ilustrita kongresa numero) estas 8-paĝaj.**



## Abonoj al Heroldo por 1983

| Lando | Valuto | Tutjara abono | Subtenanta abono | 25 vortoj anoncetoj | Oni pagu la kotizon al |
|---|---|---|---|---|---|
| Argentino | us.dol | 8,— | 16,— | 5,— | E-Centro, Cas. de Coreo 278, 2000 Rosario |
| Aŭstralio | us.dol | 15,— | 30,— | 5,— | K. G. Linton, 4/2 Lyons St., Glenhuntly, Vic. 3163 |
| Aŭstrio | aŭs.ŝil. | 230,— | 460,— | 75,— | «Tramondo», Fünfhausgasse 16, A-1150 Wien |
| | | | | | AEM, Pk. 156, Hofburg, A-1014 Wien |
| Belgio | b.fr. | 520,— | 1040,— | 200,— | «Heroldo» pĉk. 000-0078887-26 Bruselo; |
| | | | | | «Sonorilo», Doornstr. 22, B-2610 Wilrijk; pĉk. 00-0152140-44 |
| Brazilo | us.dol. | 8,— | 16,— | 5,— | Braz. Esp.-Ligo, Pr. de Republica 54, Rio de Janeiro |
| Britio | pundoj | 8,— | 16,— | 2,50 | Brita Esp. Asocio, 140 Holland Park Ave., London W11 4UF |
| Bulgario | levoj | 16,50 | 33,— | 6,— | Internacia Esperanto-Kursejo, p.k. 791, 1090 Sofia |
| Ĉeĥoslov. | kr. | 162,— | 324,— | 50,— | Ĉeĥa Esp. Asocio, Jilska 10, 11000 Praha 1 |
| Danlando | d.kr. | 87,— | 174,— | 27,— | Esperanto-Centro, Banegaardsgade 19, DK-8000 Aarhus C |
| Finnlando | f.mk. | 65,— | 130,— | 20,— | Heroldo, Kivistöntie. SF-05510 Hyvinkää (pĉk. 1247 90-1) |
| Francio | fr.fr. | 78,— | 156,— | 30,— | U.F.E., 4 bis rue de la Cerisaie, F 75004 Paris (pĉk. 855.35) |
| Germanio | gmk. | 31,— | 62,— | 10,— | Heroldo de Esperanto, Germ. pĉk. Köln 194943-504 |
| Grekio | draĥmoj | 600,— | 1200,— | 200,— | Helena Esperanto-Asocio, Agiu Meletiu 54, Ateno T. T. 814 |
| Hispanio | pesetoj | 1050,— | 2100,— | 400,— | L. Serrano Perez., str. Font Nova 32, Sabadell |
| Hungario | forintoj | 296,— | 592,— | 90,— | H.E.A., Kenyermezö u. 6, Pf. 193, H-1368 Budapest V |
| Israelo | b.fr. | 520,— | 1040,— | 200,— | Ben-Alter Jehiel, P.O.B. 379, Petah-Tikva |
| Italio | liroj | 15.000 | 30.000 | 5.000 | Itala Esp.-Federacio, Via Villoresi, 38, I-20143 Milano |
| Japanio | b.fr. | 520,— | 1040,— | 200,— | Japana Esp.-Inst., Waseda mati 12-3, Sinzyuku-ku, Tokio 162 |
| Jugoslavio | n.dinaroj | 200,— | 400,— | 70,— | Milan Markovič, Rajičeva 22, 11000-Beograd |
| Kanado | kan.dol. | 19,— | 38,— | 6,— | W. D. B. Hacket, 40 St. Hilda's Ave., Toronto, Ont. M4N 2P4 |
| Meksiko | us.dol. | 8,— | 16,— | 5,— | M. Najera, Apartado postal M-9310 Mexico 1, D.F. |
| Nederlando | gld. | 33,— | 66,— | 11,— | Esp.-servo (pĉk. 769.15), Hoeveweg 18, 8394 VR De Hoeve |
| Norvegio | n.kr. | 82,— | 164,— | 24,— | Esperantoforlaget A/S., Olaf Schous vei 18, Oslo 5 |
| Pollando | złotoj | 700,— | 1400,— | 200,— | Pola Esperanto-Asocio, Jasna 6, PL-00-013 Warszawa |
| Portugalio | esk. | 700,— | 1.400,— | 250,— | Portugala Esp.-As., Rua Dr. J.Couto, lote 1238, R/C-A, Lisboa-4 |
| Svedio | sv.kr. | 80,— | 160,— | 22,— | Poŝtĝ. konto 59 67 68-2, Eldona Soc. Esperanto, 216 11 Malmö |
| Svislando | sv.fr. | 28,— | 56,— | 10,— | O. Walder, Esperantoweg, CH-8590 Romanshorn (pĉk 80-12139) |
| Usono | us.dol. | 15,— | 30,— | 5,— | ELNA, Pk. 1129, El Cerrito, CA 94530 |
| Venezuelo | us.dol. | 8,— | 16,— | 5,— | Prof. J. E. Bachrich, Apartado 3833 Caracas 101 |

**Sendado aerpoŝte** (krompago) por ĉiuj numeroj **(prezo en us.dol.):** Norda, Centra, Suda Ameriko, Afriko: 3,—; Irano, Japanio, Ĉinio, Aŭstralio, Nov-Zelando: 4,—; Eŭropo, Mediteraneaj landoj: 0,70.





## ĜIS REVIDO EN BUDAPEŜTO

## HEROLDO DE LA JUNULARO

### Junularaj programeroj: ĉiuj generacioj invititaj

*En la hodiaŭa programo troviĝas du "junularaj" programeroj: «TEJO sin prezentas» (11-12h 30), dum kiu estos projekciita unuafoje la filmo «TEJO 1977» pri la junulara kongreso en Pŭatjeo, kaj la junulara debato ( 16h 30), kiu havos la temon "ĉu esti esperantisto signifas vojaĝi?".*

*Kompreneble, ĉiuj aĝgrupoj estas invitataj al ambaŭ programeroj.*

### Sabate komenciĝas la IJK en Loveno

*Morgaŭ komenciĝas en* Leuven *(Loveno) la 38a Internacia Junulara Kongreso de TEJO, kiu daŭros ĝis la 7a de aŭgusto. Ĉiuj kongresanoj de la UK estas kore invititaj al la Oficiala Malfermo, kiu okazos dimanĉon, la 1-an de aŭgusto, en la granda aŭlo* (Hageschoolplein, *Loveno) je la 15a h. Pliaj informoj haveblas ĉe la IJK-budo, meze de la granda Kongreseja Halo.*

## ANONCETOJ

- **Provekz-o** de revuo **enspezanto** kontraŭ 1 irk ĉe GEJ, Pf 101422, D-2000 Hamburg 1.
- **Internacia komitato** por etnaj liberecoj (IKEL) eldonas interesan revueton: **Etnismo**. Petu specimenon ĉe U. J. Moritz, Im Römerfeld 44, D-5180 Eschweiler (FRG).
- **Eskapu al pli malferma turismo!** Aĉetu la kajeron 1982 de Pasporta Servo en la kongresa libroservo, kaj vojaĝu libere tra la mondo.
- **Marinko ĜIVOJE** «Esperantonimoj» estas utila verko por pli profunde koni Esperanton. Eld. Edistudio, Pisa. Disponebla ĉe la kongresa libroservo.

## Modeste, sed ĉiutage

**La malnova revo de Teo Jung, ke «Heroldo» fariĝu tag-gazeto realiĝis dum tiu-ĉi mallonga kongresa periodo, eĉ se en modesta formo.**

**Ŝajnas al la eldonantoj de tiuj-ĉi Antverpenaj numeroj, ke la kongresanoj tre favore akceptis la kongresan «Heroldo»n kaj ĝuste taksis ĝiajn servojn kaj ĝian informan — prikongresa, movada kaj nemovada — karakteron.**

**Necesas substreki, ke la realigo de la kvin kongresaj numeroj estas modelo de internacia kaj divers-horizonta kunagado. Fakte, la sukceso eblis dank' al interkonsento kaj komuna laboro de la instancoj menciitaj en la unua numero, nome de UEA (Roterdamo), LKK (Antverpeno), Edistudio (Pizo), TK-Stafeto (Antverpeno) kaj Heroldo de Esperanto (Madrido).**

**La redakcio kore dankas pro la de ili donita laboro, f-inon Kristin Tytgat, s-rojn Pietro de Smedt, Aldo de' Giorgi kaj Thomas Bormann, same kiel la firmaon Compugraphic, kiu senpage disponigis moderan foto-kompostilon.**